*Senkultura homo estas sklava besto* ISSN 0299-6987

# LA GAZETO

## ENHAVO



源氏物語

## KIO PRI 'GENJI MONOGATARI'?

**Kun la tradukinto de la 'Ruĝdoma Songô'...**

numero 82 4a de la 14a jaro 30apr99

# PRI LA GAZETO

Karaj Legantoj,

Por tiu ĉi kajero de *LG* ni realigis du revojn: via redaktoro legis la romanon la plej legatan de japanoj, la rakonton pri la *Genji*, eble tutmonde la unua psikologia romano; kaj nia kunredaktisto en Pekino bonfortune renkontis la tradukinton de *Ruĝdoma Sonĝo*, Xie Yuming, esperante Jen Seimin.

Post tiu ĉi azia itinero, *LG* proponas al vi itineron en la antikva kulturo latina: fragmento el historioromano de Thornton Wilder pri pensigaj imagitaj meditoj de Cezaro fine de lia vivo; kaj recenzo pri nova gemo de la mondbeletro havebla en la esperanta, la impona *Antologio Latina* de Gerrit Berveling.

Ĉu tria itinero? Jes: se vi iras al Berlino tra Bavario, kial ne elekti la 'Romantikan Vojon' kaj halti en Dinkelsbühl (vd artikolon de Rita Rössler-Buckel p28)?

Unu semajnon pli frue, kial ne ĝui la familian etoson de IEK en Metz, renkonti kolegojn Chris Declerck, Peng Zhengming, Trevor Steele, Yamasaki Seikô, kleriĝi ĉe specialistoj pri monproblemoj, partopreni en la fina voĉdonado por OSIEK-premio (vd p31)?

*Madeleine de ZILAH*

PRI STILO KAJ ENHAVO
DE SUBSKRIBITAJ ARTIKOLOJ
LA GAZETO NE RESPONDECAS

•Eldonanto kaj redakta rondo: Esperanto-Klubo de Metz •Redaktejo: *La Gazeto FR-55210 CREUË* •Redaktoro: Eugène de ZILAH •Kunredaktistoj: K JAKOBO, Madeleine de ZILAH •Retkunlaboranto: Bruno MASALA *lagazeto@osiek.org* •Pretigis ĉi tiun numeron: Danielle CLAVEAU, Megumie SACHS-KOMAMURA, Françoise ZIEGLER, Edgar de ZILAH •Abonprezo: 25 eŭroj por 6 numeroj, aere 28 eŭr. Vi povas komenci la abonon kiam ajn. Se vi ne povas poŝte ĝiri aŭ sendi poŝtmandaton bv skribi al la redaktejo; ni klarigos kiel aboni el via lando. LG ne aperas en julaŭgsep •Anoncoj: 1/4 da paĝo, 28 eŭr. •Recenzoj: bv sendi 2 ekzemplerojn de la recenzenda libro al la redaktejo.

•TTT-adreso: http://osiek.org/lagazeto

LA VENONTA NUMERO APEROS JE
**15jun1999**

Por aboni, sendu **25 eŭrojn** (160 francajn frankojn) al **LA GAZETO, FR-55210 CREUË, Francio**
poŝtkonto : **1025 02 T NANCY**
**ekster Eŭropo**: bonvolu aldoni **3 eŭrojn** (20 FF), dankon

## ABONPREZOJ KAJ PERANTARO

**Aŭstrio**: 350 ŝilingoj. d-ro Klaus PERKO, Lendkai 111, 8020 Graz - Poŝtkonto: Graz 1257 845. **Aŭstralio**: 60 $ Tom ELLIOTT, PO Box 230, Matraville, NSW 2036. **Belgio, Luksemburgio**: 1050 frankoj. FLANDRA ESPERANTO-LIGO, Frankrijklei 140, 2000 Antwerpen - Ĝirkonto: 000-0265338-43 Vlaamse Esperantobond. **Brazilo**: 35 US$. BRAZILA ESPERANTO-LIGO, CP 3644, Brasilia/DF 70084. **Britio**: 18,5 pundoj. Olga KERZIOUK, 61 Point Royal, Bracknell RG12 7HL. **Ĉeĥio:** 550 kronoj. Vladislav HASALA, A. Dvoráka 1, Strážnice 696 62. **Danio**: 200 kronoj. Pierre GABORIT, Brombaervaenget 15, 2650 Hvidovre - Poŝtkonto: 612 87 50. **Finnlando**: 153 markoj. **Francio**: 160 frankoj. LA GAZETO, 55210 Creuë - Poŝtkonto: 1025 02 T Nancy. **Germanio**: 56 markoj. ESPERANTO-CENTRO, Rheinstrasse 9, 12159 Berlin - Poŝtkonto: Hannover 259658-301. **Grekio**: 9000 draĥmoj. Polyxeni ZARKADA, Placo Pavlou Kountouriotou 7/8, 11741 Athina. **Hispanio**: 4500 pesetoj. Luis SERRANO PEREZ, Font Nova 32, 08202 Sabadell. **Hungario**: 2600 forintoj. Pál KOZSUCH, Csabai u 11, 5553 Kondoros. **Italio**: 50000 liroj. Enrico MINGO, via Simone Martini 22, Isolato 19, 80128 Napoli - Poŝtkonto: 10125805. **Japanio**: 4100 enoj. Japana Esperanto-Instituto, Waseda-mati 12-3, Sinzyuku-ku, 162 **Kanado**: 54 $. David MOORE, PK 653, Sicamous/BC, V0E 2V0. **Koreio**: 24000 ŭonoj. Eldonejo ESPERO, CPO Kesto 3047, Seulo. **Latinameriko**: 33 internaciaj respondkuponoj senditaj al La Gazeto. **Nederlando**: 56 gld. ESPERANTO, Sanderuslaan 20, 3732 ET De Bilt - Poŝtkonto: 7231449. **Pollando**: 60 zlotoj. Maciej WNUK, ul. Broniewskiego 77 m. 137, 01-865 Warszawa. **Portugalio**: 5000 pesetoj. **Slovakio**: 500 kronoj. ESPERANTO, Sobotské nam. 36, 05801 Poprad. **Svedio**: 245 kronoj. **Svislando**: 42 frankoj. Christoph SCHEIDEGGER, Im Schleedorn 6, 4224 Nenzlingen. **Rusio**: ekvivalento de 12 US $. Halina GORECKA, pk 67, 620 077 Jekaterinburg-77. **Ukrainio**: skribu al Natalia FEDOROVA, pk 168, UA-335057 Sevastopol-57. **Usono**: 35 $. ELNA, pk 1129, El Cerrito/CA 94530. **UEA**: 27 eŭroj = 59 gld. konto: edzi-k (ekster Eŭropo: 3,63 eŭroj = 8 gld).

Directeur de la publication: Madeleine de Zilah
Presita ĉe: Imprimerie Séris, rue de l'Etang, 57160 Scy-Chazelles. Dépôt légal: L1-1979/85

# VORTOJ DE LA REDAKTORO

## LA GENJI... KIA JUVELO!



Stranga animstato sekvas grandan aventuron. "Post emocia kunpuŝiĝo ĉiuj animuloj tristas" – ĉu vere? Nu, ili ankaŭ, eĉ se nur obtuze, feliĉas. Samkiel mi post dusemajna ekzalta vagado en la universo de *Genji monogatari*. Unuela *Genji*[1] estas 'princo ne-tron-heredonta', 'imperiestrido sen rajto imperiestriĝi'. La signifo de *monogatari* estas 'afero- aĵo- faro- gesto- okazintaĵo-rakonto', ni diru: 'kozo-rakonto'. Provizore permesu ke mi nomu la 1300-paĝan beletraĵon kiun jam de 30 jaroj mi deziris ellegi: *Rakonto pri la Genji*. Kiam, fine de 1988a aperis la mirinda franca traduko farita de René SIEFFERT, *Le Dit du Genji*, mi ne havis sufiĉe da mono por akiri ĝin. En la angla *The Tale of the Genji* ekzistis jam de multaj jaroj, sed malgraŭ la fakto ke "ĉiuj scipovas la anglan" kaj ke "ĉie troviĝas anglaj libroj" mi ne kapablis ĝin trovi en Francio, nek en anglalingvaj landoj dum miaj mallongaj veturadoj tie. Feliĉe! Ŝajne la angla traduko estas nek kompleta, nek fidela. Male, tiu de Sieffert faris el la *Genji monogatari* ĉefverkon de la franca literaturo. Vi povas legi kaj relegi ĝin kun la sama ĝuo kiel *Memoraĵoj*-on de Saint-Simon, kies lingvaĵon kaj stilon la erudicia tradukisto eksplicite prunteprenis. Tiel mi faris, kaj ĝuon ne malhavis. Sed tia ĉi ĝuo makulita de ĵaluzo ne puris. Mi ja revaĉis pri ia XIE Yuming[2] kiu oferintus dek jarojn el sia vivo por esperantigi la *Rakonto pri la Genji*-on. Eĉ se tia esperanta sanktulo ekzistus, kiu eldonus la libregon? Kiu povus aĉeti ĝin? Tiaj ĉi demandoj certe elmetiĝis ankaŭ pri la *Ruĝdoma sonĝo* kaj la *Mastro de l' Ringoj*[3] – tamen ili jam partoprenas en nia literaturo. La baza demando estas do: kial mi volas ke ankaŭ la *Rakonto pri la Genji* vestiĝu esperanten?

Ĉar la esperanta lingvo estas la ununura ebla vojo al vera mondkulturo. Tio ne signifas ke la mondkulturo ekzistos nur kiam ĉiuj povoscios la esperantan, sed ke ekfloros mondkulturo nur tiam kiam ĉiuj, kiuj volas altiĝi sin ĝis tia nivelo, trovos ĉiujn bazajn verkojn de ĉiuj civilizacioj en unu ĉie ellernebla, de ĉiuj alirebla lingvo. Mi, kiu ĵus ĝuis ĝin, opinias ke la *Genji monogatari* estas unu el la bazaj verkoj de la beletra mondkulturo. Kiam ĉiuj knaboj lernos en ĉiuj bazaj lernejoj, apud la propra etnolingva literaturo, la mondliteraturon en esperanta versio, tiam instruistoj, parolante al ili pri la japana literaturo, volos laŭtlegi al ili kelkajn paĝojn el la *Rakonto pri la Genji*. Kelkaj el ili, similaj al la knabo kiu mi estis, kuros tuj poste al la biblioteko de la lernejo kaj elpruntos la unuan volumon de la granda libro. Kelkaj el la kelkaj ellegos ĝin, kaj ankaŭ la duan volumon. Kion tia legado alportas?

Unu virino, s-ino MURASAKI Shikibu, vivinte en japana imperiestra palaco, ricevinte la plej bonan pordaman[4] edukon tiaman, finverkis sian *Genji monogatari*-on en la jaro 1004a. Ĉu ŝi verkis mem la 54 *maki*-ojn[5] de la giganta felietonaĵo, aŭ ĉu iu tre proksima al ŝi imitis ŝian penikon en la deko da lastaj volvaĵoj, la fakuloj ankoraŭ ne scias, sed SIEFFERT supozas ke la tuta libro estas de unu sama mano. Gravas ke la verkinto de la *Rakonto pri la Genji* estis virino. Fine de la deka jarcento[6] unu damo verkis psikologian romanon en Azio, en Japanio. Ĉu tiu ĉi simpla fakto ne devigas nin revizii niajn iom rapidemajn konceptojn pri la socistato kaj kultura rolo de la aziaj virinoj? Oni laŭde asertis en Eŭropo ke Murasaki estas la PROUST[7] japana. Kia malhumilo! Murasaki verkadis preskaŭ mil jarojn pli frue ol Proust. Se oni jam volas umaĉi sensencajn komparojn, oni diru ke Proust estas la Murasaki franca: tio probable ĝojigos la Proust-amantojn.

*La rakonto pri la Genji* estas tre senteble verko de virino. Ĝia aŭtoro evitas priskribi ĉion kion palacoloĝanta damo ne povas observi. Ŝi ne provas disertadi pri politiko, batalartoj, metioj kaj komerco; eĉ se tiaj temoj ofte siluetiĝas fone de problemoj generitaj de renkontiĝoj gehomaj. Diri ke la temo de la romano estas libertinadoj de kelkaj senjoroj[8], kiel oni ja diris, estas miskompreno aŭ kalumnio. La maloftaj amorscenoj estas viktoriecaj, kaj memorigas al

ni pli la *Muelejo sur la Floss*[9]-on, verkitan ankaŭ de virino, ol la memoraĵojn de CASANOVA[10]. La ina erotismo kiu pulsadas en la verko estas nur la heŭristika principo per kiu la aŭtoro provas ekspliki la vivojn de la homoj kiuj limigas ŝian horizonton. Neniun mirigos ke la rakonto estas forte aŭtobiografia kaj je la plej alta kultura nivelo japana en la fino de la deka jarcento. Oni ne trovos ion tian en Eŭropo antaŭ la 17a.

Sed ĉu mian entuziasmon ne provokas la elstara franca traduko kiu modernigas verkon praktike nealireblan, eĉ por japano, pro ĝia lingvaĵo? Estus pli facile respondi tiun ĉi demandon se mi disponus pri esperanta versio. Sed ĉu ekzistas eĉ nur unu esperanto kapabla legi, kompreni kaj traduki la *Genji monogatari*-on? TANIZAKI[11] tradukis ĝin el la mezepoka japana en la modernan, kaj lia versio fariĝis plejvenditaĵo: milionoj da japanoj malkovris tiun ĉi juvelon. Do, eble tra la Tanizaki-versio, sin helpante per monografioj kiuj abundas, iu aŭdaculo povus... Sed ve, ĝis tiam, se vi ne flue legas la japanan, vi ne povos aliri la ĉefverkon sen kono de ia 'internacia' lingvo.

La *Rakonto pri la Genji* ne estas aventur-romano, en ĝi estas aventuroj nur psikologiaj kiujn travivas kelkaj viroj kaj iliaj 'edzinoj'. Mi metas citilojn je 'edzino', ĉar institucio kiel la okcidenta nupto ne ekzistas en la tiutempa Japanio. Viroj kaj inoj havas siajn apartajn kaj malsimilajn devojn en sistemo feŭda. La virino estas principe submetita al viro, sed ŝian sub-metiĝon forte dolĉigas ŝiaj rango, edukiteco kaj morrigideco. Ĉiu virino devas havi aŭ trovi 'protektanton' viran, sendepende de la nombro de aliaj virinoj kiujn la trovota protektanto jam protektas. Sen 'natura protektanto', virino perdiĝas ju pli certe des pli altranga ŝi estas. La edukado de knabinoj estas pli malfacila ol la trejnado de viroj ĉar virinoj devas esti dolĉaj, fidelaj kaj adaptiĝemaj, dum viroj devas esti per-fortemaj, disciplinitaj kaj kruelaj por pluvivi kaj altiĝi en fiksa sed konfliktogenera socisistemo. La romano konsideras la virojn nur en ilia rolo de 'natura protektanto' kaj, ne malpli 'natura', deloganto, tio estas en roloj videblaj al virino disde la viroj zorge izolita per muroj, ekranegoj kaj kurtenoj. La konvenciaj amindumadoj okazas per korespondado, muzikado kaj konversaciado tra pli-malpli travideblaj baroj. Viroj kapablas ĝisfreneze enamiĝi al neniam viditaj virinoj. Kaj la arto de Murasaki estas sufiĉe fajna por ke eĉ 'okcidenta barbaro' komprenu kiel tio povas okazi. Ĝuste pro tio la *Genji monogatari* havas mondliteraturan valoron. Mi certas ke eĉ dekjara loĝado en Japanio ne provizus al mi tiom da kono pri profunda japaneco, eĉ moderna, ol la legado de la *Rakonto pri la Genji*.

La teorio de Amo en la *Rakonto pri la Genji* estas tre rimarkinde malsimila de la okcidentaj amoteorioj, tial ke ĝi ne estas fondita sur la libido. La senjoroj japanaj enamiĝas en damojn kiujn ili neniam vidis nek vestitajn nek nudajn, kies vizaĝojn ili ekkonas, ofte kun surprizo, kiam ĉiuj aliaj sensorganoj, inkluzive la sekso, kiu estas sensorgano en Oriento, jam estas sataj, ĉar enamiĝo okazas sen ŝensa provoko, pro malkovro de karma-ligoj kreitaj en aliaj vivoj. La Genji admonas unuelan tro malvarman damon jene:

"kiel eblas
ke ligoj noditaj iam
en ia vivo alia
en tiu ĉi trafas
similan distanciĝon."[12]

La konfido, la tenero, la solidareco inter geamantoj havas bazojn antaŭnaskiĝajn kaj konsekvencojn postmortajn. Eble pro tio oni amas pli profunde kaj mortas pli facile.

La Imperiestro, patro de la Genji, pasie amis lian patrinon, unuelan oficialan konkubinon, la "damon de la paŭlovnia[13] ĝardeno", sed nur post ŝia morto li sukcesis atribui al ŝi la titolon de 'imperiestro-edzino'. Sekve, la Genji ne naskiĝis el imperiestrina ventro kaj la posed-antoj de tiaj ventroj kiel eble plej preme intri-gadis por ke li ne ekhavu la rangon de tron-heredonta princo: 'sangoprinco'. La imperiestro principe rajtis fari el li heredonton, sed li saĝe rezignis pri tio. La Genji ankoraŭ knabo jam elmontris tiajn elstarajn kapablojn korpajn, inte-

lektajn kaj artajn, kiaj, kaze de eĉ la plej malgranda eblo alveni ĝis la trono, estus pelintaj lin al batalo por imperiestriĝo. Pli bone estis por la imperio kaj la reganta dinastio fari el la tro lerta princo subjekton la plej altrangan, kiu, kiel ĉefministro, povos fakte estri la imperion, nome de malpli kapabla duonfrato reganta, kiun la etiketo malhelpas manipuli la realan politikon. La Genji havis do edukadon tiacelan. Kiel prognozite de fiziognomikistoj, astrologoj kaj divenistoj, li genie sukcesas ĉion. Li estas preskaŭ perfekta homo, kun ununura difekto: lia tro pasia intereso por la ina gento.

Dekdujara li estas kiam, post ceremonio de viriĝo, li ekhavas sian unuan "kunulinon de lito", perfekte edukitan princinon pli aĝan je kvar jaroj ol li mem. Ŝi edukas sed ne ĉarmas lin. Ŝi estos do 'neglektita', suferos pro tio, sed ne kapablos kompromisi por amigi sin. Ŝi eĉ meĝeras per paroloj tiel malĝentile spitemaj, kiel: "Neglekti iun estus do kruele?", aludo la plej kruda eldirita de damo en la romano. La Genji, timante sian ministran bopatron, ĉesos fine la 'neglektadon', gravedigos ŝin kaj ŝi forlasos la scenejon mortinte pro nasko. Ŝian lokon povos okupi 'edzino' pli amata.

Jam en la dua ĉapitro de la verko, Murasaki elmetas sian ĉeftemon: kiaj estas damoj 'protektindaj' kaj kiel unuela senjoro povas trovi tiajn indulinojn. La senjoroj kutime havas plurajn 'edzinojn', kiujn ili devas trovi per komplikaj, fajnaj kaj foje eĉ danĝeraj amindumadoj. La leganto povus supozi ke la ĉefa aktivado de unuela "kolonelo de la dekstra gardio", aŭ de unuela "ministro de la maldekstro" estas la amindumaj klopodoj, sed tion kaŭzas nur la fakto ke "ne decus se virino", la aŭtoro, "parolus pri viraj agadoj" metiaj, militistaj aŭ politikaj. Murasaki restas ĉe sia temo kaj la pason de la tempo kaj la aliajn agadojn de la viroj ni rimarkas nur pro la kapturniga ŝanĝado de la titoloj de la herooj.



Sôtatsu, *Seki-ya, Vizito de la Genji* (detalo)
ekranego, oro kaj koloroj sur papero, 1630-1640
Tokyô, Fondaĵo Seikadô

# VORTOJ DE LA REDAKTORO

Sieffert opinias ke la plej genia literatura inventaĵo de Murasaki estas ĝuste tiu ĉi maniero sentigi la nekontraŭstareblan fluon de la tempo per la karusela aliformiĝo de la titoloj. Tre malofte ni ekkonas propran nomon, titoloj anstataŭas ĝin. La homo estas esence socia persono produktita per bona praularo kaj edukado. La priskribo de edukadaj problemoj pleje fascinas en tiu ĉi libro. Apenaŭ eblas eldiri en kia lumo aperas la eŭropa pseŭdo-monogamio post la ellego de tia elinterna atestaĵo pri japana mezepoka poligamio vidata de la ina flanko.

La Genji ne povas trovi tian edzinon kian li prirevas, li do decidas 'ekprotekti' 8-jaran knabinon, por ŝin eduki li mem por si mem. Ĉu 'Lolita'? Tute ne. Unue li ŝin edukas kiel patro; poste, kiam ŝi plenaĝiĝos, li ŝin ekamindumas kiel viro, ŝin delogas kaj 'edzinigas'. Ŝi restos lia favorata edzino, amata ĝis ŝia morto kaj poste. Dume, kompreneble, li ankaŭ amas kaj ekprotektas aliajn virinojn, sed "nobla virino ne estas ĵaluza". Oni povas ami, eĉ se oni ne ĉiam rajtas, plurajn virinojn samtempe. Ankaŭ knabojn. La ludreguloj estas ege komplikaj, sed kompreni ilin estas, por eŭropano, granda paŝo al la mondkulturo. Kaj kio estas esperantismo se ne marŝo al la mondkulturo.

La Genji ekamas kaj gravedigas unu el la edzinoj de la propra patro, la imperiestro. Pli grave: li provokas skandalon en la kortego lasante sin ekvidi en la ina kvartalo de la Palaco. La gravedigon la patro ignoros pro komplikaj kaj ege interesaj kialoj. La sekvanta imperiestro, duonfrato de la Genji, ne volas ignori la skandalon. Kaj jen la Genji en ekzilo ĉe sovaĝa marbordo. Sed eĉ tie troviĝas 'protektindaj' damoj. Kompreneble al la jam protektitaj ne plaĉos tiu nova aliĝo al la virinaro de la Genji. Ĵaluzoj, konfliktoj, ploroj. Sed neniam tie kie okcidenta leganto atendus ilin. Fine la fantomo de la patro revenos por viziti la sonĝojn de la imperiestro por ke la Genji estu rehonorigita kaj revokita al la kortego. Fakte la imperio bezonis lian kompetentecon.

Ankaŭ unuela "disradia Genji" maljuniĝas, li ja atingas la pinton de la honoroj kaj la respektindan 40-jariĝon. Alvenis por li la tempo pensi pri siaj venontaj vivoj kaj retiriĝi en ian monakejon, kie oni forgesas la mondajn dezirojn. Sed la imperiestro tiama, lia duonfrato, trudas al li novan junan sangoprincinon por protektado. Ŝi prorange fariĝas ĉefedzino. La ĝistiama ĉefedzino, tiu kiun la Genji edukis por si mem, superas sian ĵaluzon, kaj ŝi mem edukas kaj konsiladas la novan trojunan ĉefedzinon. Poste ŝi monakiniĝas kaj mortas.

Dume surtroniĝas nova imperiestro kiu ekscias de sia mortanta patrino ke li estas filo de la Genji. Li volas cedi la tronon al sia patro, la Genji horore rifuzas. Alia filo de la Genji gravedigas lian ĉefedzinon, la sangoprincinon, kaj mortas pro kulposento. La Genji ignoras la aferon: ĝi malpezigas lian karmaon.

**PROVERBO-ĈIFRO 'PĈ-82'**

J∋ «◊∂.:.◊⇕☆√∇ Σ≠☆
ℓ∂◊Ⅱ⇕©, .:.≠∂J [≠
«∂[⇕☆ □⇕◊≠ ]∂[≠⇕©.

.:.≠∇ [≠[⇕☆ ☆∋J
.:.⇕Ψ.:.∇Ψ∂, .:.⇕Ψ[⇕©
∋☆√∂☆ ⇕Ψℓ∂♒∇Ψ∂.

En tiuj ĉi du tekstoj kaŝiĝas duproverboj Zamenhofaj. Ĉiu simbolo/signo reprezentas literon; samaj simboloj do estas samaj literoj. Multe da plezuro!

Tri solvintoj ricevos premion se iliaj solvoj alvenos **antaŭ** 10jun99



La idoj de la Genji rekomencas la amojn, esperojn, erarojn. Ĉu provi ĉion rakonti? Ne eblas. En tiu ĉi romano la intereso iras al la cirkonstancoj de la agoj, ne al la agoj mem.

Mi devus paroli ankaŭ pri la "damo el Akashi"; ankaŭ pri tiu kiun fantomo mortigis en la brakoj de la Genji; ankaŭ pri la princidino kun ruĝa nazopinto; ankaŭ pri pluraj aliaj damoj kaj sinjorinoj, pri iliaj kredoj kaj superstiĉoj, pri kaligrafio, pri muziko de fluto, de dektrikorda liuto, de sepkorda liuto; ankaŭ pri fruktoj, floroj kaj arboj, kiuj nekredeble gravas; sed ve, mi ne povas legi tiun ĉi libron anstataŭ vi. Mi eĉ ne povas legi ĝin denove je la unua fojo. Vi tamen, kvankam pri virgeco neniam temas en la *Genji monogatari*, eble povos ĝui ĝin je la unua fojo.

Mi revas pri miraklo: eble iu jam esperantigis ĝin kaj la 1500-paĝa tradukaĵo kuŝas en lia tirkesto. Eble iu estas tradukanta ĝin... Eble iu nun decidas ektraduki ĝin. Ho, kiel ĝoje mi helpus tian homon per mia tuta forto restanta!

*Eugene de ZILAH*

1. *Genji* (prononcu 'genĝi', kiel laŭ NHA-prononco) ne estas propra nomo, sed pro la mezepoka ĝentilo japana nomi personojn per iliaj titoloj, preskaŭ neniam uzante iliajn proprajn nomojn, mi sekvas la kutimon jam forte establitan ortografii tiun vorton per majuskla G.
2. XIE Yuming elĉinigis la *Ruĝdoma sonĝo*-on.
3. TOLKIEN, *La Mastro de l'Ringoj*, trad. W. AULD.
4. damo = moŝtulino, plej ofte nobela, apartenanta al la plej alta socitavolo en feŭda sistemo.
5. *maki* (jap.): volvaĵo el papero, silko aŭ alia surskribebla materialo.
6. p.K. (kristana erao).
7. PROUST Marcel (1871-1922), verkisto franca.
8. senjoro = moŝtulo, plej ofte nobela, apartenanta al la plej alta socitavolo en feŭda sistemo.
9. ELIOT George (EVANS Mary Ann, 1819-1880), *The Mill on the Floss*, 1860.
10. CASANOVA DE SEINGALT Jacques (1725-1798), *Histoire de ma vie*, 1822.
11. TANIZAKI Junichirō (1886-1965), verkisto japana.
12. traduko, laŭsenca kaj senpoeziigita, el la franca.
13. paŭlovnio = ĝardenarbo kies floroj violparfumaj floras antaŭ la apero de la folioj, simila al la katalpo (*Catalpa Scop*), botanike nomita laŭ la nomo de rusa princino Anna Pavlovna, filino de la caro Paŭlo la 1-a, *Paulovnia tomentosa*.

# EL VIAJ LETEROJ...

**Herbert MAYER** (Aŭstrio)
FONETIKO KAJ NOVISMOJ

Tre interesajn aspektojn pri la normoj de fonetika konsisto de vortoj en la planlingvo Esperanto prilumas Kris Long en *Pri neelparoleblaj konsonantsinsekvoj* (*LG81*). Tiajn bazajn principojn oni devus apliki ankaŭ ĉe enkonduko de novaj vortoj. Erst nelge mi refoje renkontis neologismon, kiu taŭzas mian germanlingvan langon: erst. Despli suferas la anoj de latinidaj lingvoj. Kvankam 'erst' estas germandevena, ĝi tute ne kongruas kun la hodiaŭaj germanaj prononcreguloj: en la moderna germana fakte la r en tiu pozicio estas vokalo. La vorto konsistas do el diftongo (e + vokaligita r) plus du konsonantoj (s + t). Sed en Esperanto estas nur unu vokalo kaj tri sinsekvaj konsonantoj: e-r-s-t. Kaj provu kombini tiun vorton en frazeroj: erst poste, erst kvar tagojn poste, erst ĉino. Kaj vi ricevas monstrajn sinsekvojn de konsonantoj: r-s-t-p, r-s-t-k-v; r-s-t-ĉ. Tio estas tute neakceptebla en internacia planlingvo.

Laŭ lingvistika vidpunkto estas mirigaj la naiveco kaj senkompetento, per kiuj kelkaj esperantistoj mistraktas sian lingvon.

**Jarlo MARTELMONTO** (Svedujo)
REALO DE PENTROARTO...

Mi estas profesia modernisma verkisto-kaj-pentristo (ankaŭ en esperanta medio). Mi rimarkis, ke LUKIZARRA en *Kio estas kulturo* (*LG81*) ne havas propran profesian sperton pri nuntempa realo; lia teksto estas nuancmanka. En sia kurtkurta panoramo pri la pikturo Lukizarra tezas, ke la modernisma pentroarto estas tutligita al la komercismo. Tio estas unuflanka, supraĵa konstato. Alia amatora spekulativo estas pri eblecoj grandamasigi artverkojn. Lukizarra neglektas la fakton, ke normale estas grandega diferenco inter origina pentraĵo kaj reproduktaĵo. La originaĵaj formato, farboj ktp elektiĝis pro siaj farbmaterialo, formato ktp, kaj reprodukto maltrafas tiujn kvalitojn, tial reprodukto fariĝas nur duaranga bildverko. Tamen validas la 'lukizara' priskribo unuĝenre: grafiko.

# LETEROJ



**Kris LONG** (Britujo)
KOMPRENO DE ORIGINALOJ...

*Aliron al ĉineco* (*LG80*) mi legis ĵus retrovinte leteron de ĉina fakulo kiu "rimarkis erarojn ĉe kompreno de la originaloj" en tradukoj de S J ZEE - laŭ li "tio estas kutima ĉe nuntempaj ĉinoj".

Ĉu nuna ĉino estas denaska ano de la kultura grupo kiu produktis 18-jarcentan romanon? Aŭ 8-jarcentan poezion? Ĉu nuna anglo estas tia membro pri Ŝekspiro? Pri baroka poezio aŭ *Paradizo Perdita*? Pri *Progreso de la Pilgrimanto*? Pri la poezio de POPE aŭ romanoj de Jane AUSTEN komence kaj fine de la 18-a jarcento. Laŭ mi ne. Pri nunaj verkoj jes, pri ĉi-jarcentaj eble, se ilia fono restas en vivanta familia memoro: pri antaŭaj ne nepre.

Verŝajne nuna anglo povas vidi pli da signifoj ĉe Ŝekspiro – sed vidos ankaŭ misgvidajn, anakronismajn – kiujn eble fremdlingva fakulo pli certe forsarkus, konsultante komentarion, ne tro fidante propran lingvosenton.

En la angla mi neniam legis *Dreams of the Red Chamber* (aŭ ...*Red Mansions* – troveblas pluraj tiaj titoloj en la ĉina kvartalo de Londono). Dumil paĝoj: ĉu mi iam legos? Sed David HAWKES, fakulo kiun mi tre fidas (mi eĉ volis iam studi sub li, sed trovis ke li frue emeritiĝis por labori super la libro), tradukis sub alia titolo, laŭ li pli ĝusta, *Historio de l' Ŝtono* por konata serio de poŝlibraj klasikoj. Jen verŝajne do la plej legita versio en la angla - kaj en ĝi ne mankas ridado.

Hawkes uzas nomojn jen fabelajn (Neĝroza, Tefolia, Trapa – pri Trapa vidu *PIV*!), jen alegoriajn (Pacienca, latine *Vanitas* kaj *Sapientia*), jen simple homajn, transskribitajn - kaj tio kreas plurtavolan etoson, ĉu bonvenan aŭ ne. Dekokjarcenteskaj versparoj en poemtradukoj tuj lokas la romanon (por angla leganto) eble tro firme en la duonjarcento post l' alegoria *Progreso de la Pilgrimanto* (legebla en E-o, sed kiu nun legas?).

E-o ne kapablas tiel tuj sugesti eble ne kongruan kadron, do ni legas malpli antaŭjuĝe. Kaj ni traktu tion nia vera pluso - dum samlingva sed apenaŭ samkultura tradukisto povas esti bona aŭ – nu, malpli bona (kio ne sugestu dubojn pri la kapablo de XIE Yuming, mi celas nur esplori principajn demandojn.)

**Trevor STEELE** (Aŭstralio/Litovio)
KOVRILO DE *LG*

Kursano, al kiu mi pruntedonis vian periodaĵon, komentis pri la "amatoreca" kovrilo. Fakte mi aŭdis similan komenton eble dek fojojn: la enhavo multe superas la impreson faratan de la kovrilo. Kiel vi reagas al tio?

**Jean Luc TORTEL** (Francujo)
KOVRILO DE *LG*

Vi devus modernigi la aspekton de la kovrilo de *LG*. Eble la enteno dorse, kaj la 1-a paĝo tute blanka?

**LG :** Nia revuo ne vendiĝas en budoj, tial neniu elektas ĝin pro ĝia kovrilpaĝo. Por niaj legantoj, ni supozas ke pleje gravas la enhavo de la revuo, la nomoj de la kunlaborantoj kaj la temoj pritraktitaj de tiuj ĉi; pro tio ni devas konservi la enhavtabelon sur la unua paĝo samkiel ĉiuj bonnivelaj socisciencaj revuoj. Nia nura klopodo estas ke *LG* tuj distingiĝu disde aliaj publikaĵoj kaj ke la legantoj malpleje perdu tempon por trovi tion kio ilin interesas en ĝi. Aldone *LG* kvankam deficita jam estas tro kosta revuo por multaj el ĝiaj legantoj. En ĝia nuna formo *LG* kapablas enteni ĝis 120 000 karaktroj, tio egalas la redakcian parton de pluraj konataj etnolingvaj revuoj pli ol 100-paĝaj. Pro tiuj ĉi kialoj kaj kelkaj aliaj ni esperas ke niaj legantoj komprenos, ke *LG* neniam sekvis kaj neniam sekvos modojn.

La kovrilpaĝo de *LG* estis dezajnita de la franca artisto Daniel NONNENMACHER, kaj la emblemo de la dania pentristo-skulptisto-artprofesoro Pierre GABORIT, ambaŭ profesiuloj (vd. *LG6* p14).

**Josef KAVKA** (Ĉeĥio)
KIAL "PROCEZO"?

Leginte *LG79* kun granda ĝuo, mi tamen konstatis iom oftan uzon de la vorto "procezo", kiu al mi ne plaĉas. Pri la kialo vi povas legi en mia artikolo (*Starto*, 1990), jen almetita.

Kvankam *de gustibus non est disputandum*, tre mi ŝatus scii motivojn de via ĉi-koncerna preferado. Ĉu eblus skribi, plume de iu via redaktoro, kelkon da linioj en *LG*?

**LG:** La redaktantoj de *LG* havas nenian preferon por la *PIV*a vorto 'procezo', nomanta unuelan kategorion de la *Fundamenta* 'proceso'. Sed ili ne rajtigas sin ŝanĝi la vortuzadon de la aŭtoroj kiuj honoras *LG*-on per siaj kontribuaĵoj.

# NIA LETEROJ

**Ralph HARRY** (Aŭstralio)
LA DEVENO DE 'KROKODILI'

Surprizis min la informo de André CHERPILLOD (*LG81*) ke iu franca kelnero Ferrari iniciatis en la tridekaj jaroj la slangan uzon de krokodili por signifi "paroli nacilingve en E-ista medio".

Tre frue en mia Esperanta vivo, kiu komencis antaŭ 63 jaroj, oni informis min, ke tiu slangaĵo originis dum kongreso, kiam oni aŭdis grupon da japanaj esperantistoj, kiuj kune parolis, ŝajne diskutis pri aligatoro. Pruviĝis, ke fakte ili parolis sian nacian lingvon, kaj ke la vorto, kiun ili tiel konstante uzis estis *arigato*, kiu signifas 'dankon'. Oni petis al ili, ke ili ne '*aligatoru*', kaj oni avertis aliajn esperantistojn, ke ili ne sekvu la malbonan ekzemplon de la japanoj... ke ili ne 'krokodilu'.

Ebbe VILBORG, en sia *Etimologia Vortaro de E-o* akceptas la teorion pri la rolo de Ferrari (ŝajne pro artikolo de GOLDEN en *Fonto* 39/1983). Eble niaj japanaj kolegoj povos klarigi la aferon.

**Bernard AUNIS** (Francujo)
PRIREVATA REVUO...

Verŝajne por la lasta fojo, kaj post longa pripenso, mi sendas al vi la prezon de mia abono por *LA GAZETO* : pli kaj pli mi sentas min fremda legante ĝin. Post mia emeritiĝo, kiam mi havos sufiĉe da tempo, mi provos eldoni alian revuon, kies spirito estos tute alia: la esprimlibero estos plena, sed kondiĉe ke la kunlaborantoj estos kompetentaj. Mi ne hezitos, ekzemple, publikigi artikolon, kiu subtenas la bretonan naciismon, sed se ĝia aŭtoro asertos en ĝi, ke Rennes (kiun li nomos Roazen) estas bretonlingva urbo, mi lin tuj sciigos, ke tia erarego senkonteste pruvas, ke li nenion konas pri la afero, kaj ke mi tro respektas mian legantaron, ol ke mi konsentus aperigi tian stultaĵon. [...]

Se reformemulo, eĉ eks-prezidanto de la Akademio, dezirus montri al la tuta mondo sian grandiozan projekton por adapti E-on al la modernaj teknikoj, sed se la enhavo de lia artikolo pruvus, ke li estas tute laika pri tiuj modernaj teknikoj, mi lin petus sin turni al alia revuo (ekz. al *LA GAZETO*) por la diskonigo de siaj ideoj.

Se germano, partiano de la okcitana separatismo, sendos skribaĵon plenplenan de eraroj pri Okcitanio kaj sin naive defendos dirante, ke li ĉerpis sian informon el ne sciencaj revuoj, mi lin memorigos, ke ekzistas publikaĵo nomata *E...*, kie ĉiuj stultaĵoj tiaj estas bonvenaj.

Atendante mian emeritiĝon mi serĉos, ĉu jam ekzistas revuo sama kiel tiu, pri kiu mi revas. Eble ne, ĉar malgranda estas la nombro de legantoj, kiuj postulas ekzaktan informadon, sed ankaŭ tiu minoritato rajtas posedi sian propran ligilon.

**LG :** Ni ridetu! sed niaj kunlaborantoj doktoraj, inĝenieraj, profesoraj... pri komputoroj, kibernetiko kaj aliaj hipermodernaj diablaĵoj rajtas tamen reagi.



**Johann DERKS** (Nederlando)
ORIENTA, EASTA, EOSTA...

En unu artikolo de s-ro de Zilah mi puŝiĝis sur la marista termino 'easta', signifanta orienta. Tio min eksurprizis, ĉar de franciano oni ne atendas tian anglismon. Mi jam alkutimiĝis al 'ŭesto', sed 'easta'? La elparolo ne kongruas kun la originala, la trisilabeco ŝajnas malhelpa.

De tiam mi komencis atenti pri la indikivaj al la ventodirekto terminoj en diversaj lingvoj kaj arigi ilin. Jen la rezulto:

| | | |
|---|---|---|
| Esperante | | |
| Zamenhof | okcidenta | orienta |
| de Zilah k.a. | ŭesta | easta |
| Jon W. Yung | ŭesta | eosta |
| france | ouest, occident | est, orient |
| itale | ovest, occidentale | est, orientale |
| hispane | oeste, occidental | este, oriental |
| angle | west | east |
| germane | west | ost |
| nederlande | west | oost |
| greke | δύση (disi) | ανατολή (anatoli) |
| ruse | запад (zapad) | восток (vostok) |
| slovake (fonetike) | západni | viĥodni |
| hungare | nyugat | kelet |
| japane (fonetike) | nisi | kigasi |
| ĉine* (fonetike) | si | dong |

Mi tiel malkovris, ke en la latinidaj lingvoj la terminoj devenaj de *occidens* (subiro – de la suno) kaj *oriens* (leviĝo) grandparte cedis al la ĝermanaj *west* kaj *est* aŭ similaj. Do mia komenca incitiĝo pri anglisma 'easto' mildiĝis tiom kiom ĝi estas ĝermanigo.

## LETEROJ

Restas la demando pri la preferinda ĝermanida formo. Elekto de tia refalas sur sinsekva eliminado:

1) 'esto' kaj 'osto' jam havas firmajn esperantajn signifojn.

2) 'eosta' estas fonetike kaj etimologie preferenda al 'easta', sed jam estas trisilaba.

Por la festo de Sankta Nikolao mi ricevis *Ilustrita historio de la okcidentaj lingvoj* de V. Stevenson, kiu grandigis mian interesiĝon. Per ĝi mi instruiĝis, ke ĝermana *est* parencas al greka *eos* (tagiĝo) kaj sanskrita *usas*, ĝermana *west* al latina *vesper* kaj sanskrita *avastat*.

Nun mi firme forĵetas 'easta' kaj ŝanceliĝas inter 'eosta' kaj 'usta'. La lasta estas plej mallonga kaj antaŭas kiel derivo de sanskrita *usas*.

Sed ampleksa sciado kunportas hezitadon. Ja oni ankaŭ povus preventi 'westa' aŭ 'ŭesta' per 'vespra'.

* La ĉinoj nomas sian landon *ĉuŋ gŭå* (ŋ = naza n, å = vokalo inter mallongaj o kaj a), t.e. orienta lando; ili signas okcidentanojn kiel *si van* (*van* = homoj).

**LG** (EdZ)**:** Zamenhof petis ke la uzado aŭ enkonduko de ia radiko en la esperantan neniam fontu el persona prefero, sed el zorga analizado de la internacieco kaj asimilebleco de tiu radiko. Mi uzadas la radikon 'east-' por nomi la ĉefpunkton al 90° sur kompasoplatoj, ĉar:

• 'east-' tute ne samsencas kun la Fundamenta "orient-". La suno ĉiam leviĝas oriente, nur po dufoje en la jaro easte. Oriento estas la direkto de la sunleviĝo, easto la direkto paralela al la ekvatoro. Mi studadas orientajn lingvojn kaj civilizaciojn, ne eastajn. Vento orienta povus esti ĉia vento de inter nordeasto (45°) kaj sudeasto (135°), se iu uzus tiun esprimon. Easta vento estas de inter 78°45' kaj 101°15', de la 'kvarono' easta. 'Oriento' (verbalo de 'orienti') povas esti alnorda, aleasta, alsuda, alŭesta; 'easto' estas unusenca. Ktp. Do la enkonduko de 'easto' ne celas la anstataŭigon de 'oriento' aŭ de alia Fundamenta radiko.

• 'east-' kaj 'eost-' estas en *PIV*, sed **nur** 'east-' estas en la vortaroj franca-esperantaj de LÉGER-ALBAULT, de LE PUIL-DANVY kaj la vortaro esperanta-franca de WARINGHIEN. La vortaroj esperanta-angla de WELLS kaj germana-esperanta de KRAUSE ne enhavas 'east-' on nek 'eost-' on.

• 'east-' havas la precizan skriban formon de angla radiko kaj la angla estas unu el la kvar precipaj fontolingvoj de la esperanta. Zamenhof insistis ke oni respektu la fontolingvajn radikojn, sen kio la lingvo perdus siajn civilizaciajn bazojn.

• 'east-' estas multe pli internacia, ol iu ajn alia ebla radiko por la sama nocio, precize pro ĝia angleco. La internacia faklingvo de la ŝipado kaj aviado estas la angla: 'east' aperas sur ekranoj, sur mezurilplatoj, sur avertotabuloj, en komunikadokodoj... Eĉ se mi skribus 'e**o**sto', ĉiuj legus 'e**a**sto'-on, tiel multe la homoj jam alkutimiĝis al la angla vorto. Por determini la internaciecon de unuela radiko de esperanta vidpunkto, oni ne devas listigi la signifantojn de unuela koncepto en kvar mil idiomoj, sed determini kia fontolingva radiko asimilebla de la esperanta lingvo, estas pleje komprenata de nefontolingvanoj, kaj precipe de nefontolingvaj fakuloj, se temas, kiel plejofte, pri fakvorto.

**René DE CLERCK** (Belgujo)

SENKAPIGITA FRAZO

Reage al la artikolo de s-ro André CHERPILLOD en *LG79* p5, titolita *La Reforma Viruso*, mi bedaŭras ke denove ŝajne necesis ke la priparolata skribanto humiliĝu kaj vundiĝu kaj ke, por tio, oni deiris de vere SENKAPIGITA FRAZO el mia artikolo. Laŭ s-ro Cherpillod mi estus skribinta ke "La Akademio devas ŝanĝi la alfabeton plej bone kaj devigi la novan skribmanieron".

Efektive, bezone la uzadon de komputeroj, mi ĝuste skribis: "SE FORIGO DE LA SUPERSIGNOJ ESTUS NECESA, laŭ mi la Akademio devas ŝanĝi la alfabeton plej bone kaj devigi la novan skribmanieron." Mi skribis tiun frazon kaj mian tutan artikolon, KONDIĈE KE la forigo de la supersignoj estu necesa por bona uzado de komputeroj. Tiun demandon, ĉu la forigo de la supersignoj estas necesa, devos respondi la aro de respondeculoj pri nia lingvo: ĉu la estraro de UEA kune kun tiu de SAT kune kun la Akademio?

Ĉiukaze tian aŭtoritaton ni nun bezonas. Se ni ne havas ĝin, ni devas ĝin krei. ... [...]

... Ĉu ni miru ke ni ne trovas perfektan solvon en la *Fundamento* por problemo tute ne konata en la tempo kiam ĝi mem estis proklamita?

# LA MISTERO DE LA VERKADO

Nur nun mi scipovas iomete skribi pri tio. Kvankam mi sentas min knabeto antaŭ la oceano. Mi vidas ĝian grandecon, kaj ne multe komprenas el ĝi. Nu, bonvolu anstataŭi la vorton 'oceano' per 'verkado' aŭ 'verkarto' – kaj vi scios, kio min torturas.

Post tridek jaroj, post eldono de miaj preskaŭ 220 libroj – inter tiuj pli ol 170 romanoj, do beletra fikcio – mi ankoraŭ 'staras antaŭ la oceano' kaj miras. Multfoje mi jam pensis pri la miraklo: kiamaniere mi verkas? Kiel oni verkas?

Ja naive oni opinias, ke la verkisto ion 'elpensas', skribas tion surpaperen per iu tekniko, kaj poste oni tion legas en formo de libro. Jes ja, ĝenerale tiel estas – tamen la mistero plu restas mistero. Ĉar jam tie komenciĝas ĉio fariĝi nekomprenebla, ke oni diras: 'la verkisto ion elpensas'.

Kiamaniere MI elpensas ion? Mi ne ĉiam scias. Okazis jam, ke mi ekvidis iun objekton surstrate kaj tio sugestis novelon. Mi aŭdis iun historion kaj tio inspiris min al romano. Eĉ foje mi sonĝis iun temon de romano, kaj ĝi post jaroj 'naskiĝis' en mia cerbo, jam kiel romano. Sed ja kiel ĝi naskiĝis? Kiaj procezoj iĝas en la cerbo, kaj ĝenerale kiel funkcias nia cerbo? La sciencistoj tion ne scias. Do ankaŭ ne scias tion mi, kiu iras ĉiam post la scienco, avide ekhavema ties rezultojn.

MI NE SCIAS DO, KIEL MI VERKAS.

Jes, tiel okazas. Io komenciĝas en la kapo. Eble eĉ tiam, kiam mi ne konscie observas la mondon, aŭ mian cerbon. Do ensonĝe, aŭ dum alitemaj pensoj, aŭ en statoj de cerbo, pri kiuj mi (ni) nenion scias. Eĉ tion ne, ke ili ĝenerale ekzistas. Do, ni iru tiel: IO OKAZAS en mia cerbo, ie, kaj jen, naskiĝis ekpenso. Unue ekpenso, tute ne ligita al romano, eĉ ne al la eventuala intenco de verkado.

Tamen, io jam vivas en la cerbo. Kaj iom post iom mi konsciiĝas, ke tio ja estas temo, kiun mi priverkos. Kaj en la kapo plu iĝas la procezo, nun jam eble konscia. Mi jam komencas pripensi kaj imagi iun mondon. Mondon de unu homo, aŭ de pluraj homoj – la rolontoj de mia romano. Mi devos elpensi ilian aspekton, ilian animon, pasinton, nunon, eble eĉ futuron. En tiuj momentoj la verkisto kredas sin dio, ja li kreas vivon. Kreas li homojn kune kun siaj mondetoj, aŭ mondegoj.

Mi, la verkisto, tiam devas tre atenti. Se mi malbone imagas, mi malbone priskribos. Do mi devas imagi bone, bele, reale, eĉ tion, kio estas malreala. Malreala, ja ĝi ne ekzistas vere, tamen devas esti tiome reala, por ke kredu ĝin la legontoj. Miaj kurentetoj en la cerbo, la kemiaj kaj biokemiaj procezoj en kelkaj kubcentimetroj de miaj enkapaj GRIZAĴOJ, en miliardo da ĉeloj ligitaj per fluo de neŭronoj ekestas IO – kion mi ne scipovas nomi. Tamen mi faras tion, kaj mi sentas internan inklinon, ofte eĉ kvazaŭ devon por tion senti kaj fari.



De Chirico, *Melankolio kaj mistero de strato*, 1914
New Canaan, Connecticut, kolekto Stanley R. Resor

# NIA KULTURO

La bildo (ni nomu tiel, kvankam ĝi estas multe pli komplika ol nur io videbla, vidata) naskiĝas en mia kapo. Tio estas nur la unua fazo. Poste mi devas ĝin elŝeligi el la pensoj neimageble rapidaj kaj senvortaj. Mi devas ilin en iu lingvo vortigi. En lingvo, kiun mi konas kaj regas pli-malpli. Do jam okazis io, kio povas rompi, vundi la penson. Ja la vortoj eĉ la plej elstaraj ne ĉiam estas konvenaj vestoj por la pensoj. Oni eble eĉ senkonscie faras kompromisojn.

Kaj jen la sekva fazo: mi skribas la vortojn. Tutegale, ĉu permane, per plumo kaj inko, ĉu per skribmaŝino malnovmoda (nun jam), aŭ per komputilo. La vortoj iel aŭ tiel aperas antaŭ miaj okuloj en siaj skribitaj formoj, videblaj, litero sekvas literon, kiel decas. En tiu ĉi momento, kaj poste plurfoje, ekestas la eblo por la kontrolo. La vortoj pere de miaj okuloj kuras reen en la cerbon. Denove pere de iuj misteraj kanaloj renkontiĝas la originala(?) penso kun ties jam skribita, primitivigita formo.

Poste mi faras tion longe. MI VERKAS – sen scii vere, kion mi faras. Ne temas pri stato senkonscia, transcendenta, tute ne. Tamen ĉar mi ne scias, kio okazas en la cerbo, ofte mi sentas min nur ilo en manoj de nekonataj fortoj. Fortoj multe pli saĝaj ol mi.

La vortoj fariĝas frazoj, la frazoj plenigas la paĝojn, kaj iom post iom la historio elformiĝas ne nur enkape, sed ankaŭ sur la ekrano, sur la papero. Sed kio okazis dume? Ĉu mi vere tion skribis, kion mi volis? Ĉu mi sukcesis bone kaj bele redoni tiun 'bildon', tiun historion kaj antaŭ ĉio tiun INTENCON, pro kiuj mi volis tion priskribi, priverki? Tio jam neniam certiĝas.

Ĉu mi sukcesis konstrui enskribe tion, kio estis en la kapo? Kaj ĉu mi uzis bonajn vortojn por priskribi la okazintaĵojn, la pensojn, la animagordojn de tiuj imagitaj homoj kaj ilia mondo? Ĉu mi sukcesos transporti en la kapojn de la legantoj tion, kion mi intencis?

La sekva fazo estas same mistera, eĉ se jam ne tiel individua. Oni presas la libron, la romanon. Tion, kio elvenis el mia kapo, senanimaj maŝinoj multobligas en miloj kaj miloj da ekzempleroj. Ofte eĉ en dekmiloj, aŭ centmiloj da ekzempleroj. Kaj la homoj aĉetas kaj legas ilin. Do subite ekestas centoj, miloj da fremdaj kapoj, en kiuj la procezo el mia kapo nun komencas flui INVERSE!

Ili per okuloj ricevas la vortojn skribitajn, legas la vortojn, kiuj faras en iliaj cerboj la bildojn, sentigas la animagordojn, montras la heroojn, kiujn mi imagis, vivigis, priskribis.

Se mi bone faris tion, do en ilia kapo aperos la samaj bildoj, kiuj en mia kapo. El unu kapo, el unu cerbo ĉio ĉi trafluis en milojn, dekmilojn da aliaj kapoj. Sed ĉu vere ili havas nun la saman bildon? Tiu estas ja la bona verkisto, kiu bone elektis la vortojn por vesti siajn nudajn pensojn. La pensojn, kiuj naskiĝis el nekonataj, nekompreneble vivantaj impulsoj biokemielektraj, en tiuj etaj partoj de la nekonata homa cerbo.

Post tiom da jaroj, scianta, ke oni eldonis miajn librojn en pli ol dek milionoj da ekzempleroj – mi same miras, kiel okaze de la unua romano. Ĉu mi sukcesis transdoni ĉion al la legantoj? Ĉu oni sukcesis transpreni ĉion mian, tra la paĝoj de la libroj...? Ĉu ĉio sukcesis, ĉu...?

Eble jes, eble ne. Paradokse, mi neniam tion ekscios, ja mi ne scipovas legi kaj kompreni per la kapo de iu alia. Sed mi, kiel leganto ankaŭ jam ne scipovas funkcii. Ĉar mia cerbo dum la jardekoj fariĝis cerbo de verkisto. Do, se mi legas la romanon de iu ajn verkisto, mi legas ĝin kiel kolego. Kaze de iuj frazoj mi diras: "Vere bone, mi verkus tion same, aŭ male, tion mi certe ne farus tiel..." Do mia cerbo infektiĝis pro mia laboro, pro mia metio.

La verkado estas konstanta dubo, kaj la ĉiutaga tasko de la verkisto estas venki tiujn dubojn. Por mi ankoraŭ longas la vojo, por kompreni ĉiujn fazojn de la verkado. Tamen, mi estas optimisto kaj neniam rezignos.

*István NEMERE*





# Julius GLÜCK eminenta propagandisto de Esperanto

En la sepdekaj jaroj mi regule havis interparolojn kun Andreo CSEH por akiri konon pri lia vivo, prilaborota en estonta biografio. En unu posttagmezo ni diskutis pri la 7a rumana Esperanto-kongreso en Braŝovo en 1927. Tie Cseh celebris la meson en la fama Nigra Preĝejo. Li rememorante aldonis: "Kiam ni eliris la preĝejon, Julius Glück venis al mi kaj admiris mian predikon: 'Ĝi povus esti parolita en sinagogo'."

La respekto en la voĉo de la intervjuito vekis mian atenton. Kiu estis tiu Julius Glück? Mi nur konis la nomon pro valora libreto, kiun li redaktis pri GRABOWSKI kaj KABE *El la klasika periodo de Esperanto*. Bedaŭrinde mi ne plu demandis Cseh pri li. Hejme mi komencis esplori. Ekzistas por la historiistoj tri fontoj:

1) *La enciklopedio de E-o* 1933
2) *Muusses E-o Biblioteko* 1937
3) *La Praktiko* jarkolektoj 1933-1946.

El ili mi klopodis kompili jenan vivorakonton.

Julius Glück naskiĝis la 12an de marto 1877 en Deleki Duŝiky en la ĉeĥa parto de la tiama Donaŭ-monarkio. Li studis natursciencojn, inĝenieran fakon kaj filozofion en Prago kaj Vieno. Dum la unua mondmilito li servis kiel oficiro en la aŭstra armeo. Post ĝia finiĝo li ekloĝis en Berlin kaj fariĝis poste komerca direktoro de fabriko.

En 1907 li esperantistiĝis pere de Wilhelm OSTWALD. De tiu tempo li komencis pli kaj pli dediĉi sian tempon al Esperanto. Li aktivis kiel propagandisto, organizanto, kursgvidanto kaj aŭtoro; verkis artikolojn ĝis 1933 por ĉirkaŭ 40 ĵurnaloj kaj revuoj kaj prizorgis dekojn da radioprelegoj; plenumis plurajn elstarfunkciojn en la movado, UEA, GEA k.a.; donis ĝis 1937 250 kursojn; aperigis diversajn librojn:

- germanlingva lernolibro (kun SÓS) 1910; ĝis 1933 estis presitaj 35.000 ekzempleroj,
- lernolibro por memstudado kaj radio,
- albumo pri la U.K. 1912 en Krakovo,
- vortaro,
- *La verbo en Esperanto* (kun WILLEMS), 1936, Thieme. Muusses, nederlanda eldonisto lanĉis serion de 19 libroj (32 paĝaj) en 1937. Instiganto estis Glück. Li mem liveris kvar manuskriptojn:

– *La grandaj filozofoj kaj la universala lingvo* 1937, Muusses E-o Biblioteko n-ro 1
– *El la klasika periodo de E-o* Muusses E-o Biblioteko n-ro 5
– *La jubilea kongreso de E-o '1912'* Muusses E-o Biblioteko n-ro 10
– *La ora jubilea kongreso de E-o '1937'* Muusses E-o Biblioteko n-ro 11

Kio okazis al tiu senlaca kaj grandstila propagandisto? Pro *La Praktiko*, la gazeto de Andreo

Cseh, ni havas sufiĉe detalan superrigardon super la lasta vivoperiodo de Glück. Cseh metis en la gazeton rubrikon, kiu precipe okupiĝis pri la agado de esperantistoj. Ĝi estas nun valora kroniko.

En la nigra jaro 1933 Glück – li estis judo – devis komenci sian vetkuron kun la morto. Unuavide Francio ŝajnis sekura lando. Li elmigris kaj en Parizo aranĝis siajn unuajn Cseh-kursojn. Dum 1934 li instruis en Cherbourg, Tours, Thouars, Elbeuf, Niort kaj Dunkerque. Ĉi tie la urbestro transdonis al li la honoran medalon de la urbo. Entute la rikoltoj de Glück estis eksterordinaraj. Jen citaĵo el *La Praktiko* de aprilo 1934:

"La kurso de s-ro J. Glück en Tours estis vera triumfo por Esperanto. Ĝi komenciĝis kun 42 personoj kaj finiĝis kun 104 personoj. Post la foriro de s-ro Glück komenciĝis daŭriga kurso kun 70 partoprenantoj. Nia eminenta propagandisto post la kurso en Tours transiris al la urbo Thouars, kie li gvidis kurson por 60 personoj. La 6an de aprilo s-ro Glück faris provlecionon en la urbo de Rouen antaŭ 300 personoj. Prezidis s-ro M. RICHARD, profesoro ĉe la Supera Lernejo de Sciencoj. Alia provleciono okazis en la Supera Komerca Lernejo. Ambaŭ lecionoj estis grandsukcesaj kaj ili alportis pli ol 200 kursanojn."

En la liberaj horoj li denove studadis. "Mi rememoras la belegan legosalonon de la franca urbo Tours, kie mi dum kelksemajna restado kun profunda intereso studis la verkaron de Descartes." Naskiĝis la ideo de Glück iri Nederlanden. Ĉu DESCARTES, kiu siatempe ankaŭ transloĝiĝis al la lando de la libereco, inspiris lin? Aŭ ĉu la alproksimiĝonta nazia ondo pelis lin al la 'eterne' neŭtrala lando? Ni ne precize scias. Tamen li plenmane akceptis la inviton far Julia ISBRÜCKER por veni al Hago fine de 1935.

En Nederlando li daŭrigis kun egalaj energio kaj sukceso sian instruadon kaj propagandon. La kursoj portis lin al la plej diversaj urboj. En 1937 Glück – li ne havis edzinon (?) – luis konstantan loĝejon en la urbo Amersfoort, Jacob Catslaan 48. Por plisolidigi siajn enspezojn li faris kontrakton kun la ne-esperantaj eldonejoj Thieme kaj poste kun Muusses kaj komencis verkadi. Ankaŭ dum 1938 kaj 1939 li daŭre aktivis.

Nekredeble ĵus antaŭ ol en majo 1940 la germanaj botoj tretis Nederlandon, Glück grave malsaniĝis. La ebleco por fuĝi estis blokita! Oni transportis lin en hospitalon, kie li trapasis operacion la 25an de junio. En novembro li skribis al Andreo Cseh:

"Mia sanstato estas nun tre bona kaj mi povus multe labori. Sed kion? En mia 34-jara laborado por Esperanto nun estas jam la tria fojo, ke la cirkonstancoj malebligis kaj tute interrompis mian laboron."

Cseh aldonis en *La Praktiko*:

"Mi tre ĝojas pro la resaniĝo de nia eminenta samideano, kaj ni esperas, ke baldaŭ la cirkonstancoj denove normaliĝos kaj li povos daŭrigi sian valoran agadon."

Tiel ne estis. La barbaroj kaptis lin komence de 1941 kaj fortrenis al ekstermejo. "De tiam oni ne aŭdis plu pri li."

*Ed BORSBOOM*

## SOLVO DE 'ŜPB-81'

**1.** a3, Ĉd5 **2.** De8 Mato!
se **1.** ...a5 **2.** Ĉc5 Mato!
C. Mansfield, 1936 *Reinhardt*

**Laŭron al la ununura solvinto**
de 'ŜPB-80' kaj de 'ŜPB-81'
*Gérard LABASTHE*

*

## SOLVO DE 'PROVERBO-ĈIFRO-81'

Lernado havas maldolĉan radikon sed bonan efikon.
Vivu, progresu, sed lerni ne ĉesu.

*Nora CARAGEA*

**Laŭron al la solvintoj**
*Algis KASPIRAVICIUS, Elda DOERFLER, Sabine FIEDLER, Gérard LABASTHE, PEJNO Simono, Hanna SKALSKA, Trevor STEELE, Pascal VILAIN*

*

**Laŭron al la solvintoj de 'KVE-80'**
*Gérard LABASTHE, Geneviève MAILLART*

# Private kun Xie Yuming

**ndlr:** K Jakobo nuntempe estas en Ĉinio, kaj, kiel kutime, li sendas leterojn personajn pri siaj spertoj. Ni opiniis, ke la jena fragmento interesos niajn legantojn, do ni petis permeson de li kaj de s-ro Xie Yuming pri ĝia aperigo...

8feb99

...

Mi tamen volas mencii tre honorigan sperton. Mi hazarde menciis al mia ĉefo (E-isto), ke mi estis leganta *Ruĝdoma Sonĝo*, kiam mi ricevis la alvokon al Ĉinio. Li do demandis, ĉu mi volas viziti la tradukinton de tiu libro. Kompreneble, jes! Tiu laboras ĉe Pekina Radio, do ni tri (kun ĉefo kaj subĉefo) aŭte iris por renkonti lin post la taga laboro.

Tio okazigis unu el la plej emociaj spertoj de la vivo. S-ro Xie Yuming eniris la aŭton, dirante eĉ ne unu vorton Esp-e, eĉ ne respondante al mia saluto, ŝajne tre timema (aŭ ĉu humoraĉa?). Ni veturis al lia apartamento, kie mi prezentiĝis al la edzino kaj filino. Nu, dum teumado kaj fumado li komencis iom rigardi min kaj paroli Esp-e. Imagu mian surprizon, kiam li informis min, ke mi estas la unua eksterlandano en lia hejmo! Kaj plie, ke mi estas la unua eksterlandano kun kiu li iam parolis!

Post iom pli da degelado, li invitis nin vespermanĝi en apuda restoracio. Mi jam komencis dum la unua konversacio konscii, ke mi ja estas en ĉeesto kun vere elstara homo. Tiu konjekto konfirmiĝis dum manĝado, kiam li vere malfermiĝis.

Kia historio! Li prokrastis edziĝon, serĉante E-istinon, prefere eksterlandan. Tamen, en tiu epoko tia afero tute ne eblis. Estis lia revo klerigi idon per E-o por pruvi, ke E-o estas aŭ povas esti vivanta lingvo. Li fine trovis ĉininon, kiu konsentis pri tio, kaj 39-jara li edziĝis. Elturniĝis tamen, ke la edzino (laŭ kuracisto) ne povis gravediĝi. Nu, Dio helpis ilin (laŭ li), kaj ŝi malgraŭe gravediĝis. Filino naskiĝis. Ekde la komenco li alparolas ŝin nur per E-o – ŝi nun havas 20 jarojn. Mi poste iom parolis kun ŝi (kvankam edzino kaj filino ĉiam malaperis post salutoj), kaj ni hezite tamen sufiĉe interkompreniĝis Esp-e, kvankam mi estas la unua E-isto iam renkontita!! Ŝi neniam estis en E-a kunveno, nek kun E-istoj! Li diris, ke li sukcese pruvis, almenaŭ al si mem, ke E-o ja estas vivanta lingvo.

Vi scias, ke mi malofte trinkas alkoholaĵon, tamen pro lia afabla instigado, li kaj mi kune trinkis 3 litrojn da biero. Li diris multajn mirindajn aferojn, kaj cetere evidentiĝis, ke li majstre regas la lingvon, malgraŭ izoleco.

Reveninte al lia hejmo, ni plue diskutadis plaĉe, ĝue, kaj poste eniris lian studejon. Kvin! kvin manuskriptojn mi vidis, de li mem tajpitajn, de la tuta granda *Ruĝdoma Songo*! Tiom, ĝis kiam li kontentis, 10 jarojn! necesis por fini la laboron. Li diris, ke li estas pro tiu laboro "vivanta fosilio", kaj ke ĝi "skizoidigis" lin. Li daŭre devis lukti kaj batali kun la originala teksto, kies lingvon eĉ nunaj ĉinoj ne kapablas kompreni. Li do laboris celante, ke eĉ homoj en tiu praepoko kapablus kompreni la rezulton, se ili scius E-on.

Li vere ŝajnis al mi miksaĵo de Li Bai kaj Sokrato. Ankaŭ li, kiel mi, faris el *PIV* tutan katalogon de finaĵoj, kun ekzemploj, kaj faris ankaŭ kategoriaron, kiel mi. Li mem tajpas kaj bindas ĉion. Li ankaŭ faras meblaĵojn por sia hejmo. Nepre mirinda laboro, mirinda homo. Ankaŭ kiel mi, li registras ĉion, kion li legas, eĉ listigas trafajn ekemplojn de stilo kaj vortuzo. (Mi volas iam prezenti al li la *Vivo kaj opinioj de Majstro M'Saud*, ĉar mi vidis, ke li ankoraŭ ne legis ĝin. Do, se vi hazarde enmanigas...)

Ho jes – je la foriro mi ne povis malhelpi min urse brakumi lin. Surprizo radiis el lia vizaĝo, poste granda ĝojo, poste, kvankam pli malalta, li ĉirkaŭprenis min sub la gluteoj, kaj levis min ĝis la plafono! Ni ĝisrevidis fratoj – Kia ĝojo esti kun li!...

*K JAKOBO*



Seimin kaj lia filino (foto kun permeso de *El popola Ĉinio*)





**el usona**

# EL TAGLIBRO-LETERO DE Julio CEZARO

## La aŭtoro

Thornton Niven WILDER (1897-1975) naskiĝis en Madison, metropolo de la usona ŝtato Wisconsin, kie la patro estis ĵurnal-redaktisto. De 1905-1909 li ĉeestis misiistajn lernejojn (la gepatroj estis kalvinanoj) en Ŝanhajo kaj Hongkongo dum la patro estris la usonajn konsulejojn en tiuj urboj.

Li poste studis en Kalifornio, Ohio, Orienta Usono, kaj Romo, sporade restis en Eŭropo dum 2-3 jaroj, kaj servis kiel soldato dum la unua mondmilito. En 1927 li gajnis la premion Pulitzer* pro sia dua romano *The Bridge of San Luis Rey*. Li verkis 7 romanojn, inkluzive historioromanon pri la lastaj tagoj de Julio Cezaro *The Ides of March* (1948), kaj plurajn dramojn, komediojn, kaj unuaktaĵojn.

Verŝajne, li estas pli vaste konata pro siaj teatraĵoj. Duan premion Pulitzer li gajnis pro la dramo *Our Town* (1938) kaj trian pro la dramo *The Skin of our Teeth* (1942). Lia dramo *The Matchmaker* (1954) iĝis la bazo de la famiĝonta muziko-dramo *Hello, Dolly* (1964).

Li estis lernejestro en New Jersey, kie li ankaŭ instruis la francan lingvon, kaj poste estis profesoro pri literaturoj modernaj kaj klasikaj ĉe Universitato de Ĉikago (1930-1937). Pri lia verkaro, li diris: "ĉiuj miaj verkoj traktas la misteron pri morto kaj juĝo, la tragedion pri beleco, kaj la bedaŭron fini la komedion de la vivo".

*Joseph PULITZER (1847-1911) almigris el Hungarujo Usonon en 1864 por soldatiĝi en la usona armeo. La postan jaron, je la fino de la milito, li iĝis raportisto en St. Louis, Missouri. Li sukcesis akiri kaj revivigi kelkajn ĵurnalojn kaj iĝis ŝtatparlamentano. Li testamentis monon al Columbia-Universitato en Nova Jorko por jaraj premioj pri elstaraj literaturaĵoj, teatraĵoj, muzikaĵoj kaj raportaĵoj.

977. (*Pri la malamikeco de Kato, Bruto kaj Katulo.*) Mi vizitis Katon en la tago omaĝa al la grandaj servoj de lia praulo.

Kiel mi jam menciis, skribi al vi ĉiam strange efikas sur min; mi trovas, ke mi ekekzamenas aferojn, kiujn mi aliokaze ne konsideras. Penso tia, kiu subite venis al mia skribilo kaj kiun mi preskaŭ forpuŝis, estas la jena:

El la 4 viroj, kiujn mi pleje respektas en Romo, 3 rigardas min kun letala malamo, t.e. Marko Junio Bruto, Kato kaj Katulo. Tre verŝajne plaĉus ankaŭ al Cicero, se mi ne plu estus. Pri tio ĉi estas nenia dubo; min atingas multaj leteroj, kiuj ne celas miajn okulojn.

Nu, fakte, malamo mem ne ĝenas min; mi ja kutimas. Jam en frua juneco mi malkovris, ke mi ne bezonas la aproban opinion de aliaj viroj, eĉ de la plej bonaj, por konfirmi miajn agojn. Laŭ mi, estas nur unu soleco pli sola ol tiu de milito-komandisto kaj ŝtat-ĉefo, kaj tio estas de poeto – ĉar kiu povas konsili lin pri tiu senbreĉa ĉeno da elektoj, kiu konstituas poemon? Ja estas en tiu senco, ke respondeco egalas liberecon: ju pli da decidoj oni devas fari sola, des pli oni ekkonscias la liberecon pri elektado. Mi kredas, ke oni povas esti konscia pri la propra menso nur sub respondeco, kaj ke nenia pli grava danĝero povas minaci mian menson, ol ke ĝi spegulu klopodon logi aprobon de ajna homo, ĉu iu Bruto, ĉu iu Kato. Mi devas fari decidojn, kvazaŭ ili ne estus komento-temoj de aliaj homoj, kvazaŭ neniu atende spektus por postkomenti.

Tamen mi ja estas politikisto: mi devas elludi la komedion, afektante ekstreman konsideron al la opinioj de aliaj homoj. Politikisto estas tiu, kiu ŝajnigas, ke influas ankaŭ lin tiu universala avido por estimo; tamen li ne povas sukcese tion ŝajnigi ĝis kiam li estas libera de tio. Jen la baza hipokriteco de la politiko; la fina triumfo de gvidisto venas kun tiu miro, kiu vekiĝas en homoj kiam ili suspektas, sed neniam scias certe, ke ilia gvidisto estas indiferenta al ilia aprobo… indiferenta kaj hipokritulo. Ĉu? – ili



Julio Cezaro, busto el marmoro
Santo Campo, Pizo, Italio

diras al si – ĉu? Ĉu eblas, ke mankas en tiu ĉi homo tiu serpento-nesto, kiu loĝas en ĉiuj, kiu estas samtempe kaj torturo kaj delico – tiu soifo por laŭdo, tiu neceso por memjustigo, tiu agresa memprezento, tiu krueleco kaj envio? Jes, miaj tagoj kaj noktoj pasas plenaj je la siblado de tiuj serpentoj. Mi eĉ aŭdis ilin foje en la propra viscero. Kiel mi sukcesis kvietigi ilin tie mi mem ne scias, kvankam la solvo de tiu enigmo, kiel almetita al Sokrato, superas laŭ graveco ĉiujn aliajn demandojn.

Tamen, ne estas pro tiaj serpento-nestoj, laŭ mi, ke min malamas Marko Bruto, iu Kato, kaj tiu ĉi poeto. Estas simple pro iliaj mensoj, ke ili malamas min, pro iliaj vidpunktoj pri regado kaj libereco. Eĉ se mi invitus ilin ĉi tien ĝis la ofico, kiun mi tenas, kaj montrus al ili la mondon, vaste kiel ĝi aspektas nur de ĉi tie; eĉ se mi splitus mian kranion por montri la spertojn de mia vivo, tiomoble pli intimajn pri homoj kaj regado ol iliaj; eĉ se mi legus kun ili, linion post linio, la tekstojn de tiuj filozofoj al kiuj ili alkroĉas sin, kaj la historiojn de tiuj landoj el kiuj ili ĉerpas siajn ekzemplojn; eĉ tiam mi ne esperus malobskurigi iliajn okulojn. La unua kaj malunua mastro de la vivo estas la vivo mem, kaj homo devas dediĉi sin senhezite kaj riskoplene al ĝi; al tiuj, kiuj tion scias, iu Aristotelo kaj iu Platono havas multegon por transdoni; tamen, tiujn, kiuj jugas sin per prudentaĵoj kaj ŝtonigas sin per iu ideo-sistemo, eĉ la mastroj mem gvidos en erarojn. Bruto kaj Kato daŭre ripetas "libereco, libereco", tamen ilia vivo celas trudi al aliaj ian liberecon, kian ili mem ne donas al si – striktaj, malĝojaj viroj, admonante siajn najbarojn: "Estu gajaj kiel ni; estu liberaj kiel ni".

Kato estas needukebla. Bruton mi sendis al fora Gaŭlujo, kiel provincestron... al 'lernejo'. Oktavio estas kun mi, observante ĉian ŝtat-trafikon; baldaŭ mi ankaŭ lin sendos en la arenon.

Tamen, kial Katulo min malamas? Ĉu grandaj poetoj kreas indignaĵojn el sentimentalaĵoj trovitaj en malnovaj lernolibroj? Ĉu grandaj poetoj estas stultaj pri ĉio krom poezio? Ĉu ili formas siajn opiniojn el la tablo-konversacio ĉe la Ajmilio-Ludo-Naĝo-Klubo?

Kara amiko, mi konfesas, ke mirigas min iu malforteco vekiĝanta en mi, iu delira malforteco: ho, esti komprenata de iu, kia Katulo; ho,

esti solenata per versoj de lia mano ne baldaŭ forgesotaj.

**978.** (*Pri financo-principoj.*)

**979.** (*Pri iuj konspiro-rondoj celantaj lian murdon.*)

**980.** (Ĉu vi rememoras kie ni estis, kiam Ruĝa Skajvolo petis nin kunĉasi kun li tiun someron post nia reveno el Grekujo? Nu, la dua tritiko-rikolto tie abundon promesas. (*Jen, investo-sugesto oblikve dirata por pretergliti la sekretariojn ambaŭflankajn.*)

**981.** (*Pri la manko je kolor-adjektivoj en la greka lingvo.*)

**982.** (*Pri ebla abolo je ĉiuj religiaj festoj.*) Pasintan nokton, nobla amiko, mi faris ion, kion mi ne faris dum multaj jaroj: mi verkis dekreton. Post relegado mi disŝiris ĝin. Mi nur indulgis eblecon.

Mi ricevis dum la lastaj kelkaj tagoj senprecedente absurdajn raportojn de la birdviscero-ekzamenistoj kaj de la tondro-aŭskultistoj. Plie, kaj la Tribunaloj kaj la Senato ne funkciis dum du tagoj, ĉar aglo lasis fali aĉaĵon je sagatingo de Kapitolo. Mia pacienco elĉerpiĝas. Mi rifuzis fari la ceremonion pri diar-pardonigo, rifuzis mimi la memhumiligon de timiĝanto. Mia edzino kaj eĉ miaj servistoj min rigardis strange. Eĉ Cicero degnis konsili min, ke mi devus konformiĝi al aspiroj de populara superstiĉo.

Dum la nokto do mi eksidis kaj verkis dekreton abolante la Kolegion de Aŭguristoj, kaj deklaris ke ekde nun neniuj tagoj estos oficiale nefavoraj. Mi plie skribis, donante al mia popolo la kialojn por tiu ĉi dekreto. Nu, kiam do mi estis pli feliĉa? Kiaj plezuroj estas pli grandaj ol tiuj de honesteco? Mi plie skribis dum la konstelacioj preterekskursis mian fenestron. Mi malfondis la Kolegion de Vestaloj, kaj mi trovis edzojn por la de niaj plej eminentaj familioj filinoj, kiuj donos gefilojn al Romo. Mi riglis la pordojn de la temploj, de ĉiuj temploj krom tiuj de Jupitero; mi refaligis la diojn retren en tiun golfon de nescio kaj timo el kiu ili venis, en tiun perfidan duon-mondon, kie fantazio inventas konsolajn mensogojn. Fine venis la momento, kiam mi flanken ŝovis mian faraĵon kaj rekomencis per anonco, ke Jupitero mem neniam ekzistis; ke homo estas sola en mondo en kiu neniuj voĉoj estas aŭdeblaj krom la propra, en mondo nek amika nek malamika, nur tia kia ĝi estiĝas pro la decidoj de homoj.

Releginte mian skribaĵon, mi detruis ĝin...

Mi detruis ĝin ne pro la argumentoj de Cicero: ke manko je ŝtata religio pelus superstiĉon en kaŝitajn formojn, en eĉ pli aĉajn praktikojn (tio jam okazas); ke tiom ekstrema akto disrompus socian ordon kaj lasus la popolon en malespero kaj misorientiĝo, kvazaŭ ŝafoj en neĝoŝtormo. La disrompoj kaŭzotaj pro la iompost-ioma ŝanĝado de iuj reformo-planoj estas preskaŭ tiel grandaj, kiel tiuj disrompoj kaŭzotaj de totala kaj drasta modifado. Ne, ne estis la eblaj rezultoj de la propono, kiuj haltigis miajn manon kaj volon; ne, estis io en kaj pri mi mem.

En mia memo mi ne estis tute certa, ke mi ja estis tute certa.

Ĉu mi vere estas certa, ke estas nenia menso malantaŭ nia ekzisto, nenia mistero ie en la universo? Mi tamen opinias, ke mi ja estas certa. Kia ĝojo, kia senpezigo se ni povus tion aserti kun senduba konvinko. Se tiel estus, mi mem povus deziri vivon eternan. Kiel timiga kaj glora la rolo de homo se, sen gvidado kaj sen konsolo, oni devus krei el la propra memo la signifon de sia ekzisto kaj verki la proprajn principojn por la vivo sekvendajn.

Ho, vi kaj mi jam antaŭlonge decidis, ke la dioj ne ekzistas. Ĉu vi rememoras tiun tagon en kiu ni firme interkonsentis pri tiu decido kaj promesis plene esplori ĉiujn ties konsekvencojn... Ĉu?... sidantaj sur tiu klifo en Kreto, ĵetantaj ŝtonetojn en la maron, nombrantaj focenojn? Ni ĵuris neniam permesi al niaj mensoj lasi eniri ajnan dubon pri tio. Kun kia knaba kormalpezeco ni konkludis, ke la animo estingiĝas je morto. (*La angla lingvo ne kapablas reprodukti la forton de tiu ĉi frazo, kiel la latina de Cezaro; eĉ la ritmo mem esprimas la akrecon de cedo kaj bedaŭro. La ricevinto de tiu ĉi letero komprenis, ke Cezaro aludis la morton de sia filino Julia, edzino de Pompeo, kio reprezentis la plej frapan perdon de lia vivo. Mamilio Tureno estis kun Cezaro, kiam tiu informo atingis la komandejon de Cezaro en Britonio.*)

Mi opiniis, ke mi neniel cedis ion ajn el la strikteco de tiuj asertoj. Tamen, estas nur unu rimedo por vere ekkonscii pri la propra scio: oni devas riski la principojn per ago, dediĉi ilin al respondeco. Verkante tiun edikton en la nokto kaj antaŭvidante la rezultajn konsekvencojn, mi peliĝis al la plej rigora mem-ekzamenado. Ĉiujn konsekvencojn mi senhezite alfrontus, certa ke la vero fine plifortigus la mondon kaj ĉiujn ties anojn, se mi nur povus esti certa, ke mi ja estas certa.

Tamen, ia ŝveba hezito haltigas la manon.

Mi devas esti certa, ke en neniu niĉo de mia esto restas la plej eta agnosko, ke povas ekzisti eĉ la plej eta ebleco, ke estas en kaj malantaŭ la universo iu menso, kiu influas niajn mensojn kaj modlas niajn agojn. Se mi agnoskas eĉ la eblecon, ke povas ekzisti nur unu tia mistero, tiam ĉiuj aliaj misteroj revenas inunde: jen, la dioj kiuj nin gvatas, instruinte nin pri la celindaĵoj; jen, niaj animoj plantitaj en niajn korpojn je naskiĝo, kiuj transvivas la morton; jen, la punoj kaj malpunoj, kiuj donas signifon eĉ al niaj plej frivolaj agoj.

Ho, amiko mia, mi ne kutimas je hezitado; tamen, jen, mi staras... hezitema. Vi scias, kiel malema mi estas pri pensado; mi ne scias, kiamaniere mi faras miajn taksojn, mi scias nur, ke mi faras ilin tuje; mi ne estas lerta je pripensado, kaj ekde mia deksesa jaro mi rigardas filozofion senpacience, ja tenta tamen senfrukta ekzerco de la menso, ja fuĝo for de la devoj de aktuala vivado.

Ŝajnas al mi, ke estas 4 fakoj en kiuj mi vidas, kun timo, kaj en mia vivo kaj en la vivo ĉirkaŭ mi la ekzisto-eblecon de tiu ĉi mistero:

1) La erotika – ĉu ni tro facile forklarigas ĉion, kio akompanas tiujn fajrojn, kiuj daŭre generas la homaron? Ja, povas esti ke Lukretio estas prava kaj nia mokanta mondo malprava. Ŝajnas, ke mi sciis dum la tuta vivo, tamen rifuzis agnoski, ke ĉiu, ĉia amo estas la sama amo, kaj ke la menso per kiu mi faras tiujn ĉi demandojn vekiĝas, nutriĝas, kaj instruiĝas nur per tiu sama amo.

2) Granda poezio – poezio ja estas la precipa kanalo per kiu ĉio, kio pleje malfortigas la homon eniras la mondon; tie oni trovas siajn facilajn konsolojn kaj la mensogojn, kiuj kontentigas homon resti en nescio kaj inercio; mi rangigas min dua al neniu homo laŭ mia malamo al ĉia poezio krom la plej granda – tamen, ja la plej granda... ĉu tio reprezentas nur la akmean atingon de la kapabloj homaj, aŭ ĉu ĝi vere reprezentas ian voĉon super la homa kapablo?

3) Tiu momento, kiu akompanas mian malsanon... kaj kies indicon pri ia pli vasta scio kaj feliĉo mi ne kapablas haste forgesti. (*Tiu ĉi frazo evidentigas la senliman konfidon, kiun Cezaro sentis al sia korespondanto. Cezaro neniam permesis ajnan aludon al sia epilepsio.*)

4) Fine, mi ne povas nei, kaj kelkfoje mi ekkonscias, ke mian vivon kaj miajn servojn al Romo ŝajne modlas ia potenco super mi. Povas esti, amiko mia, ke mi ja estas la plej misrespondeca el ĉiuj misrespondeculoj, kapabla jam delonge vizitigi al Romo ĉiajn misojn, kiajn ŝtato povas suferi, krom pro la fakto, ke mi estis ilo en la manoj de ia pli alta saĝeco, kiu selektis min ne pro mia forto, sed pro miaj limoj. Kiel mi diris, mi ne estas pensema, do povas esti, ke tiu tuja funkciado de mia taksado fakte estas la funkciado de ia *daimon* en mi, fremda al mi, tamen kiu reprezentas tiun amon de la dioj por Romo, kiun la soldatoj kultas, kaj kiun la popolo alpreĝas ĉiumatene.

Antaŭ kelkaj tagoj mi skribis al vi aroge; mi diris, ke, ĉar ne gravas al mi la opinioj de aliuloj, ne interesas min la konsilo de aliaj homoj. Al vi, tamen, mi ja venas por konsilo. Pripensu tiujn ĉi aferojn, kaj donu al mi viajn pensojn, kiam mi revidos vin en aprilo.

Intertempe mi skanas ĉion, kio pasas en kaj ekster mi, aparte amon, poezion, kaj destinon. Mi vidas nun, ke tiuj temoj afekciis min dum la tuta vivo, tamen oni ne scias kion oni scias, aŭ eĉ kion oni volas scii, ĝis kiam oni renkontas defion kaj devas riski ion. Nu, mi havas defion; Romo postulas ian novan pliampleksiĝon de mi. Mia tempo ekelĉerpiĝas.

*Thornton WILDER*
el *The Ides of March* (1948)
*elusonigis KJAKOBO*

# DE KARCERO AL MONDFAMO ...



Kion ni scias pri la verkisto Karl MAY, kies rakontoj pri Winnetou kaj Old Shatterhand estis filmforme prilaboritaj kaj tradukitaj en la tuta mondo? Kiu estas tiu legenda verkisto famiĝinta pere de eventoj el lando, en kiu li – laŭdire – neniam estis!? Malgraŭ tio, montriĝis ke Amerikon, sed ankaŭ Afrikon kaj pluajn landojn, li vizitis kelkfoje.

Li naskiĝis la 25an de februaro 1842a en urbeto Ernsttal, kiu pli poste kunfandiĝis kun la pli granda Hohenstein kaj tial la diversaj fontoj pri lia naskiĝloko diferencas. Lia patro estis teksisto kaj devis labori po 10 horojn tage por vivteni sian multnombran familion – siajn patrinon, edzinon, ŝian patrinon, Karolon kaj kvar filinojn. Karolo estis denaske blinda kaj tial lia perspektivo pri estonta vivo ne estis prosperplena. Feliĉe lia okulmalsano resaniĝis kaj malgraŭ sia gracileco li povis vizitadi la lernejon. En la jaro 1856a liaj gepatroj enskribis lin en la seminarion en Waldenberg, kie li devis fariĝi ekleziulo. Pro eta kulpiĝo li estis elpelita. Siajn studojn li finis aliloke kaj fariĝis helpinstruisto.

Baldaŭ – laŭ sia propra konfeso – li fariĝis krimulo. Li prezentadis sin kiel doktoro Heilig kaj logis de homoj monon kaj varojn. Lia kariero de krimulo finiĝis en Leipzig, kie oni lin kaptis kaj enkarcerigis por 4 jaroj en Zwickau. Tie May fariĝis bibliotekestro, komencis studi kaj ankaŭ verki. Por havi pli multe da trankvilo li petis por izolaresto en ĉelo kun kradita fenestro. Tie ekverkiĝis la romanserio pri Winnetou. May laboris tage-nokte senlace kaj liaj manuskriptoj venis en la manojn de eldonisto kiu komencis ilin aperigadi unue en formo gazeta, kaj poste ankaŭ libroforme.

Temis pri klaftolongaj romanoj, rare pli mallongaj ol 1000-paĝaj kaj la sango el ili 'gutumis' sur ĉiu dua paĝo. Ankaŭ May mem subskribadis ilin per elpensitaj pseŭdonomoj kiel ekzemple Ramon de la Escodura. Sub sia propra nomo li aperigadis aventurajn vojaĝpriskribojn kaj tiuj havis grandan sukceson. Winnetou, Old Shatterhand, Haĝi Halef kaj Kara ben Nemsi fariĝis vere popularaj figuroj. En la jaro 1890a komencis la romanoj aperadi ankaŭ en la ĉeĥa lingvo en Praha.

La Zwickau-a karcero May-on ne rebonigis, li krimis plue – ekzemple per monfalsado – en la jaro 1870a, denove enkarcerigita por 4 jaroj, kaj lastan fojon li tie 'sidis' en la jaro 1879a pro trompo. Fine de la jarcento trafis lin plua plago. La sukceso provokis enviulojn, kiuj revenis en lian naskiĝlokon kaj en la gastejo – laŭ May "la forĝejo de mensogoj" – la homoj eksciis interesaĵojn kiujn ili tuj aperigis: la glora vojaĝisto kaj doktoro-verkisto Karolo May ne estas nur trompisto, monfalsisto, ŝtelisto kaj bruliganto, sed ankaŭ aŭtoro de multaj verkaĵoj je enhavo senbride suspekta, riproĉinda kaj nemorala. Tio estis granda skandalo kaj por May ĝi havis malfavorajn sekvojn, ĉar la eldonisto ĉesis lin eldonadi. En sia verkaĵo *Pekkonfeso* li strebis ekspliki la kaŭzojn de la iamaj peketoj kaj senkulpigi sin antaŭ la okuloj de la forumo. Plej multe ĉagrenis lin la onidiro, ke liaj verkaĵoj estas filiteraturaj libroj kiuj la junularon difektas. Tial li decidis ke al siaj du plej signifoplenaj verkaĵoj li reakiros la iaman reputacion. Al *Winnetou* li aldone verkis kvaran volumon *Heredaĵo de Winnetou* kaj pluajn aliajn. En ĉiuj libroj novaj aperas longaj filozofiaj kaj religiaj diskutoj, pripensoj pri la bono kaj malbono, pri la imperioj de Ardistano kaj Ĝinistano. La enviulojn li malgraŭ ĉio ne silentigis, male, li ilin ekscitis per tio, ke li plue verkis. Karolo May mortis la 30an de marto 1912a en sia vilao en Radebeul apud Dresden, kie estas lia muzeo.

Komence de la 60-aj jaroj ekinteresis la romanoj de May la juriston kaj regisoron de mezkvalitaj filmoj s-ron Harald REIN. La pluaj eventoj estis poste sekvoj de vico da feliĉaj hazardoj.

En la jaro 1962a forpasis 50 jaroj de la morto de la verkisto; per tio liberiĝis la aŭtorrajtoj por la filmo. Plue tio estis la eminenta elekto de la filmaktoroj (BRICE kaj BARKER) por la roloj de Winnetou kaj Old Shatterhand kaj la ĉarma medio de la Plitvice-lagoj, kiu alprosimigis la romantikon de la Sovaĝa Okcidento kaj ŝparis elspezojn de la filmado. Sian parton en la sukceso havis ankaŭ la muziko, kiu estas populara eĉ ekster la kinejekranoj. Same la publikon entuziasmigis la simpla rektlinia historio-procedo, kie dekomence estas klara kiu estas kiu, kie la bono venkos super la malbono. La sukceso de la filmo *Trezoro sur Arĝenta Insulo* superis ĉiujn atendojn. Sekve de tio, dum 5 jaroj naskiĝis 15 pluaj filmoj! Ĉi tiuj dramatike influis la destinojn de la aktoroj. Lex Barker restis jam kiel aktoro nerimarkita, ĉar la filmprezentantoj timis doni la rolon al homo, kies vizaĝo estis konata kiel vizaĝo de Old Shatterhand (li mortis en 1973a pro infarktoj). Ralf WOLTER, la reĝo en la apudaj roloj en la May-filmoj, ĉizigis sur sian tomboŝtonon surskribaĵon: "Ĉi tie ripozas Sam Hawkins, arta nomo Ralf Wolter". Pierre Brice neniam ĉesis esti Winnetou, la pluajn 20 jarojn li sukcese brilis en germanaj naturaj amfiteatroj en la kostumo de la "ruĝhaŭta ĝentlemano", al kiu li, kiel li diras, dankas por multaĵoj kaj al kiu li inklinas per granda peco de sia koro...

*elĉeĥigis Jana CICHOVÁ*
el *Podle tiskovych materiálů TV NOVA*
(*Laŭ presmaterialoj de TV NOVA*)



# DEBATOJ

**Vinko OŜLAK** (Aŭstrio/Slovenio)
PRI ORTOGRAFIO

Tre bona la lasta numero de *LG* (n-ro 79)! Koncerne diskuton pri ortografio mi – kvankam konsiderante malfacilaĵojn komputilajn – aliĝas al la starpunkto, ke maŝino obeu homon kaj ne inverse. Baldaŭ ĉiuj ĉi problemoj fariĝos teknike pasinto – sed ni povas perdi renomon de nia lingvo pro tro facilanima reverenco antaŭ la elektronika azeno el Silikona valo.

**Trevor STEELE** (Aŭstralio/Litovio)
SENĈAPELA ALFABETO

*La Gazeto* donis tre multe da spaco lastatempe al la demando pri 'senĉapelaj literoj'. Mi ne volas longe komenti, sed el orienteŭropa vidpunkto (kaj mi loĝas jam 1,5 jarojn en Pollando kaj Litovio) la problemo estas, ke la senĉapela usonangla alfabeto estas ridinde nekompleta. Ĉi tie ĈIUJ lingvaj grupoj (kaj mi eĉ ne pensas pri tiuj kun nelatina alfabeto) havas baze la saman problemon kiel esperantistoj. Ĉu estus teĥnike eneble insisti, ke komputiloj servu al ekzistantaj skribsistemoj, ne ke ni ĉiuj konformiĝu al la premado de la fabrikistoj de komputiloj?



**Jean Luc TORTEL** (Francujo)
SKRIBDIALEKTOJ MORTOPORTAJ

Por islamanoj, la araba grafio estas sankta, ĉar Alaho kvazaŭ mem skribis per ĝi la Noblan Koranon. Por esperantistoj estas preskaŭ same pri la latina grafio, ĉar la *Fundamento* estas skribita en ĝi. Estas eble bedaŭrinde, ke Zamenhof ne adoptis la cirilan; ni almenaŭ havus apartajn literojn por preskaŭ ĉiuj diakritoj niaj!

Serioze, nia esprimado tamen ne estas blinde ligita al iu literaro. Se iu profesoro en universitato devas indiki al nacilingvaj studentoj la prononcon de E-o, li uzos la internacian fonetikan alfabeton, kie **ŝ** estas ia longigita **s**; en kluba instruado oni indikas, ke **ĉu** prononciĝas **tchou** (almenaŭ en Francio). Oni do kaze de bezono devas skribe indiki la E-sonojn alimaniere ol en niaj libroj kaj gazetoj.

Dum pli ol unu jarcento la E-istoj elturniĝis kun – aŭ malgraŭ – la diakritoj; la maŝinoj tajpis ilin, la kutimaj presistoj aĉetis la literojn kaj tio perfekte funkciis, kaj funkcias... ĝis la apero de komputeroj kaj precipe de Interreto. Interreto, oni diris, tiel taŭgas al E-o, ke ĝi kvazaŭ estis inventita por ĝi. Nu jes, kondiĉe ke E-o taŭgu al Interreto!

Antaŭ nelonge mi spertis okazon, kiun mi juĝas sufiĉe averta por esti raportata; ĉar temas pri neŭtrala senpasia reago de neesperantisto al tiu problemo. En la Civitato de Sciencoj en La Villette en Parizo okazis staĝo de inicado al Interreto por la ĝenerala nesperta publiko. Mi ĝin vizitis. Bone organizita afero, kun po unu komputero por la vizitantoj. Post familiariĝo ni fariĝis liberaj laŭplaĉe uzi la aparaton, kun eventuala helpo de kelkaj gvidantoj. Do mi tajpis: 'esperanto'.

'Ha!' diris gvidanto apud mi, 'tiu lingvo kiu neniam funkciis.'

'Ĝi ja funkcias, vidu mem!'

Li apudsidiĝas. Tiam aperas amaso da tekstoj, sed bedaŭrinde kun svarmo da X.

'Kia lingvo! Kia grafio! Ĉu tiu de la Inkaoj, kun ĉiuj ĉi X?'

'Ne, nur "transportiloj" por niaj diakritoj; per programo niaj komputeroj tuj transdonas la literojn de nia alfabeto.'

'Mi komprenas; sed aŭskultu: Esperanto-uzantoj nepre adaptu sian alfabeton al Interreto; komputeroj tajpas france, ĉar en tiuj vendataj en Francio troviĝas speciala programo por traduki la francajn diakritojn ĉar ekzistas 'merkato'; ĉu estas merkato por Esperanto, mi dubas.'

Kaj li montris al mi, kiel aperas la franca lingvo sen tiu "tradukado": *marché* (merkato)

aperas iel, kiel *marche(eaccentaigu)* ; la interkrampa literaro estas nia X!

La afero estas tute klara. Iuj amikoj tute prave diras, ke ekzistas abundo da eblecoj por traduki la diakritojn; certe, sed konkrete ĉiu el ni povas ĉiumomente konstati, ke ĉe Interreto aperas svarmo da X; eĉ pli, ke aperas multaj aliaj strangaj signoj ne kongruaj unu kun la aliaj.

Tiu eksplodo de Esperanto en skribdialektojn estas netolerebla, ĉar mortoporta. Ni bezonas por kelkaj jaroj helpalfabeton por Interreto, ĝis la tempo kiam la merkato proponos al ni ĉioskribajn komputerojn. Kiam oni serioze pripensas la problemon, restas du solvoj: aŭ la *Fundamenta*, kun H, aŭ tiu de YUNG (klarigita de ALBAULT antaŭ kelkaj monatoj en ĉi tiu *Gazeto*). Neniu samideano kapablos kredigi al mi, ke li estas sufiĉe "rusta" por ne povi ŝanĝi ses literojn de sia alfabeto... cetere nur en Interreto.

Fine, el tiuj du restantaj sistemoj, tiu de Yung multe superas la Zamenhofan (pardonu se mi ŝokis).

Do konkludu mem! Ĉio cetera estas nur memvola blindiĝo, aŭ rezigno – se ne rekta malutilo al nia afero – en la Interreta kampo.



## 'SPEGULIĜOJ'

**poemaro de Vimala DEVI, La Kancerkliniko, 1998, 24p, 4 eŭr.**

*La homo estas la spegulo de la homo*
turka diraĵo

Ni rigardas nin mem en spegulo. Povas esti spegulo tiu vitra aĵo, povas esti la okuloj de proksimulo aŭ eĉ la nevidebla animo. Ni demandas nin: kiu mi estas? Kion mi vidas? Nur min hodiaŭ? Mia vizaĝo interligas mian pasintecon, nunon kaj estontecon. Ni spegulas kaj reflektas, se ni atente spektas, tutan universon de pensoj, memoroj, sentoj, esperoj, gajeco kaj tristeco, kiuj restos por ĉiam en nia vizaĝo. Tiuj ĉi atestas nian eksteran kaj internan vivon.

La motivo de la spegulo havas longan tradicion en la mondliteraturo. En la mezepoko, libroj kun la vorto spegulo (*speculum*) ofte traktis la homan moralon kaj helpis la homojn, donante sekvindajn konsilojn pri socia kaj morala konduto. Vimala Devi en siaj poemoj ne nur montras sociajn kaj moralajn aspektojn de nia ĉiutaga vivo, sed aldone malfermas la rigardon al la mensa kaj spirita flanko de la ekzistado.

Vimala Devi sukcesas tra la poemaro *Speguliĝoj* elvoki ĝuste la impreson de spegula akso, kiu ebligas kunligi la realan, tute palpeblan vivon kun tiu mondo kiu troviĝas trans nia teknika, malvarma kaj ofte soleca vivo.

Tute kontraŭe al la antikva mito de Narciso, la individuo(j) en la poemoj de Vimala Devi neniam nur restas ĉe si mem, enamiĝante de la egoo – sed transpasas la limon al la proksimulo, kaj serĉas konstante la komunan ideon de pli humana estonto (ekzemple en *Solidareco*).

En la 18 poemoj, kiuj formas ĉi tiun etan poemaron, la verkistino brile prezentas diversajn vivsituaciojn de nia moderna tempo. Temoj kiel soleco, hasto kaj duboj najbare staras apud la centraj ideoj de sopiro pri evoluo al pozitiva, solidara kaj harmonia vivo.

La poemoj estas liberstile verkitaj: tri el ili portas titolon, 12 portas anstataŭ titolo moton kaj tri pliaj havas nek titolon, nek moton. La granda nombro de poemoj kun enkonduka frazo en diversaj lingvoj konfuzas unuamomente la leganton – tamen ĝi vekas ĉiam la scivolemon eltrovi la rilaton inter tiu enkonduko kaj la verkaĵo mem.

*Silvia MORITZ*



Bonnard, *La Tualeto*, ĉ. 1922
Parizo, Muzeo pri moderna Arto



## EKZOTIKAJ LEGENDOJ

**Benoît PHILIPPE tradukis kaj nove rakontas**
***Badenlanda legendaro de la Konstanca Lago***
**Kava-Pech, Ĉeĥio, 1998, 128p.**

Kun intereso mi legas la libron *Badenlanda Legendaro* de Benoît PHILIPPE, kiu legende rakontas al ni pri la kultura fonto ĉe la Konstanca Lago, kiu "limas kaj ligas Svislandon, Germanion kaj Aŭstrion". La legendoj en la libro cirkulis inter germanlingvanoj antaŭ delonge. La unua peco temas pri Konstancio, la urbofondinto ĉe la Konstanca Lago en 207 de nia erao.

Ŝajnas al mi, ke la legendoj plejparte estas plenaj de katolika nuanco, kia ja estas ekzotika por mi, ĉina leganto. Nu mi ĝuas la 'legadan plezuron' en la religia etoso, kaj senĉese foliumas *PIV*-on por deĉifri la 'precizajn' sencojn de vortoj kiel kleriko, episkopo, kirko, kapitulo, kanoniko, spajro aŭ absido... kaj kaprompe konsideras, kia diferenco inter la vortoj Redemptoro kaj Kristo? Plej interesa por mi, ke tiuj legendoj konatigas min kun la kulturo kaj historio ĉe la Konstanca Lago; ĉe ni, ĉinoj, iuj prahistoriaj materialoj devenis el la legendoj pri pratempo! Sur paĝo 12 mi legis la frazon: "la kronikisto diras: 'mi scias ne pli, ol fiŝist' rakontis al mi'", tiam mi kompreneble ridetis, ĉar tia parolo ne estas malofte renkontita de mi en ĉinaj legaĵoj.

En la peco *Sankta Konrado* mi legas ke Dio favoris tiun episkopon el nobela familio, kiu "laŭnature ne volonte volis fasti":

> "... malsato turmentis la sanktulon, kiam la tempo venis, en kiu li kutimis manĝi. Li elpaŝis el la boato sur la akvon, benis la fiŝistojn kaj kvazaŭ sur seka tero rapidis, direkte al la fiŝponto, hejmen. En tiu momento liaj servistoj ekkomprenis, ke temis pri Dia volo, kaj de tiam ili ne plu riproĉis lin, kiam li antaŭtempe ĉesigis severan fastadon." (p11)

Tia rakonto memorigas min pri la privilegio de nunaj burokratoj, kiuj iras "je la nomo de Dio", ĉu? La fiŝponto ankaŭ memorigas min pri la pigponto en la ĉina legendo *Bovisto kaj Teksistino* (*Ĉinaj Mitoj*, p39, ĈEE, 1992).

La peco *La vaganta ratokaptisto* ŝajnas al mi iom simila al iu rakonteto en *Mirrakontoj* de LIAOZHAI; la legendoj ja estas ia fonto de la beletra verkado por ni, homoj, okcidentaj kaj orientaj, ĉu ne? En la legendoj troviĝas humuraĵoj kaj sagacaĵoj de popolanoj: mi tre ŝatas la pecon *La lasta farso* (p68). *La nebulfeo de Bodmano* tre similas al fabelo de la fratoj GRIMM. En *La fantomo Hopo* kaj *La prelato en fajra ĉaro* oni moke riproĉas malhonestajn fiulojn.

Badenlando kaj la Konstanca Lago ja estas ĉarma loko; tie estas la hejmloko de ZEPPELIN kaj pastro SCHLEYER, kiu elpensis en 1879 Volapukon. Benoît Philippe rezidis dum 36 jaroj en Badenlando, li esperantigis ĉi tiun legendaron por legantaro en Esperantio. La interesaj legendoj kun lakona lingvostilo donas al ni 'legadan plezuron'. Nur ŝajnas al mi, ke li uzis kelkajn vortojn, kiujn mi eĉ ne trovas en *PIV*, ekz. 'setli', aŭ ne bone komprenas, ekz. 'dupi', kaj kiuj dampas mian plezuron.

Alie, Benoît Philippe prove donis sian solvon por esperantigi la proprajn nomojn en la nacia lingvo (la germana); tia provo ja estas farenda, sed en lia provo troviĝas 4 manieroj: li prenis la esperantigitan skribon de iuj nomoj, sed transskribis aliajn, kiujn ankaŭ ne facile elparolas mi, ĉino: ekz. 'Überlingen' (p9), kiel mi elparolas tiun 'Ü'?

Mi apenaŭ trovis preserarojn en la libro, sed iuj frazoj por mi estas malfacile komprenitaj, ekz. "... kiam subite al unu el la kastelanoj venis en la kapon muĝi kiel bovino" (p47).

Jes, bone skribis Hubertus M. SCHWEIZER en la enkonduko:

> "Restas esperi, ke ĉiam pli da legendoj el ĉiam pli da regionoj kaj de ĉiam pli da kulturoj pliriĉigos la folkloron de la Esperanta medio, por kultura profito kaj legada plezuro."

*SHI Chengtai*



*Vergilio inter du muzoj*
mozaiko, Sousse, Tunizio

# ANTOLOGIO LATINA

Gerrit BERVELING
kompilis kaj tradukis
*Antologio Latina*
Fonto, Brazilo, 1998
2 vol., 576p, 34 eŭroj

Estas jam banala scio, ke la lingvo latina estas praulo de Esperanto. En la 30-aj jaroj slovena latinisto kaj esperantisto prof. Franjo MODRIJAN aperigis interesan broŝuron *Latinaj elementoj en Esperanto*, en kiu li, per analizo de esperantaj vortaro kaj gramatiko, respektive gramatikaj finaĵoj, venis al la konkludo, ke efektive Esperanto estas reformita latina lingvo. Ni povus nune diri: unu el tiuj projektoj. Tiu sola kiu ekfunkciis kaj ekhavis respektindan originan kaj tradukan literaturon.

Bedaŭrinde tradukistoj ne sufiĉe konsideris tiun jam banalan konitaĵon. La antikva literaturo, do la greka kaj latina, sed speciale latina, estas tre malforte reprezentata en esperantaj tradukoj. Tio validas ne nur por gravaj filozofiaj tekstoj (ni tamen havas du-tri ĉefajn verkojn de Platono!), sed eĉ pli por beletro. Ĉu ni povas serioze misii inter intelekte altnivelaj personoj per nia lingvo, se ni en ĝi ne havas bazajn tekstojn latindevenajn, tradukitajn en Esperanton? Kaj, se temas pri tekstoj latinaj, ni parolu ne nur pri literaturo antikva, sed ankaŭ mezepoka, novepoka kaj eĉ modernepoka. La literatura trezoro en latina lingvo estas multe pli granda ol oni kutime supozas.

Unu el la 'benitaj' tradukistoj, kiuj konscias pri tiu ĉi manko kaj pretas ĝin malpligrandigi, estas Gerrit BERVELING. Li konceptis sistemon de grandskala antologio de latinaj tekstoj en esperanta traduko – kaj du volumoj jam elvenis la presmaŝinojn en brazila urbo Chapecó. Ambaŭ libroj aperis en la serio *Oriento-Okcidento*, n-ro 30, sub aŭspicioj de UEA. La unua volumo enhavas tekstojn el la tempo inter ĉ. 250 kaj 30 antaŭ Kristo, la dua volumo inter 31 a.K. kaj 14 p.K.

La unuan volumon malfermas origina latina citaĵo el *De Rerum Natura* de Lukrecio por montri al la leganto la aspekton de la latina. Sekvas enkonduko, antaŭparolo, historia enkonduko kaj unua ĉapitro, *Sub helenisma influo*, en kiun enviciĝas aŭtoroj de Livio Androniko ĝis Marko Porcio Katono. La dua ĉapitro – klasika periodo – enhavas aŭtorojn de Marko Tulio Cicerono ĝis Ticido. Inter ili gravegaj nomoj kiel: Kajo Julio Cezaro, Marko Terencio Varono, Kajo Salustio Krispo, Tito Lukrecio Karo, Kajo Valerio Katulo. En apendico estas publikigitaj *Diroj* de Katono, fragmentoj de Kvadrigario kaj de Tito Livio. La unuan volumon finas mallonga bibliografio, en kiu la leganto povas kontroli, kio tamen estis tradukita kaj publikita el la latina kaj greka literaturo, en Esperanto, kiel: Ezopo, Cicerono, Salustio. Bibliografio fine de la dua volumo aldonas nomojn kiel Katulo. Bedaŭrinde ne estas menciita la kompleta traduko de *Eneado*, kiun la tradukisto mencias en sia enkonduko. En la dua volumo troviĝas denove enkonduko historia, kiun sekvas

# NI LEGIS

Vergilio Marono, Kajo Cornelio Gallo, Kvinto Horacio Flako, Seksto Propercio, Mesalo Korvino, Albio Tibulo, pli gravaj ankoraŭ: Publio Ovidio Nazo, Tito Livio. Denove apendico, listigo de nomoj, mallonga bibliografio.

Kio estas la impreso de laika leganto, kiu alte aprezas la antikvan literaturon, kvankam ne povanta lingve prijuĝi la kvaliton de la tradukoj? Ĉar mi ĵus tradukis en Esperanton la faman germanan libron de Theodor HAECKER *Vergilio, la patro de Okcidento*, mi malfermis la volumojn de Berveling kun aparta ardeco, infektita de Vergilio, kies *Eneadon* mi legis en (malbona) slovena traduko. Sendube: projekto de giganta kultura valoro. Komparante kun germana kaj slovena tradukoj, kiujn mi povas kontroli, absolute konkurkapabla laboro.

Tamen mi havas dubon. Anstataŭ investi tiom da energio al tiom ampleksa antologio – kiu tamen neniam estos kompleta prezento de kompletaj verkoj – mi preferus havi antologion en unu volumo kun pli severa elekto. La ceterajn kapacitojn de la enviinda tradukisto mi preferus vidi investitaj al tradukoj de unuopaj kompletaj verkoj, plej gravaj por latina kaj eŭropa kulturoj. Antologio estu nur didaktika kaj kultursprona informo, sed neniam anstataŭaĵo de kompletaj verkoj. Kiel multe la nuntempa legantaro bezonus librojn kiel *Historio de Romo* de Tito Livio, kiel *Leteroj al Lucilio* de Seneko, kiel *Konfesoj* de Aŭrelio Aŭgusteno kaj similaj! Mi scias, neniu havas rajton riproĉi al la tradukisto, ke li faris kion li faris kaj daŭre intencas fari. Temas simple pri bonintenca sugesto. Kompare kun dek kaj pli kajeroj de latina antologio mi, kiel interesita leganto, preferas havi unu, sed certe ne pli ol tri kajerojn de antologio kaj almenaŭ kvin librojn de plej valoraj kompletaj tekstoj el la latina literaturo, filozofia kaj beletra.

Preterlasante mian personan preferon kaj rimarkon oni povas nur danki la Faton, ke ĝi donacis al ni tradukiston kaj interpretiston je laborfervoro kaj nivelo de Berveling – en espero, ke tiu fervoro kaj nivelo renkontos ekvivalenton flanke de legantoj kaj aĉetantoj!

*Vinko OŜLAK*

## ŜAKPROBLEMO 'ŜPB-82'

Blankuloj komencas, kaj matigas per 4 movoj



Tri solvintoj ricevos premion se iliaj solvoj alvenos **antaŭ** 10jun99



## ABONHELPA FONDUSO

Por helpi niajn kolegojn en kelkaj landoj legi *La Gazeto*-n ni danke akceptas eĉ la plej etajn monsumojn.
Ni dankegas la jenajn helpantojn:

| | |
|---|---|
| Odette SCHEIDEL | 25 eŭroj |
| Bernard AUNIS | 17 eŭroj |
| Kristos ZIAKULIS | 6 eŭroj |
| Gilbert LEDON | 3 eŭroj |
| Marie BRAGARD | 3 eŭroj |
| Alain FAVRE | 6 eŭroj |
| Manuel de SEABRA | 25 eŭroj |



# LA SERĈADO DE LA PERFEKTA ORTOGRAFIO en la nuna monda kulturo

LA DEMOKRATIA SOLVO sen ovellasi makroojn, sen aĉeti eksterordinaran komputoron, sen aldoni alfabeton.

Ĉar Esperanto estas por uloj klermensaj, riĉaj, kiuj disponas pri senlima tempo, mi decidis definitive uzi la usonan. Fakte la usona estas demokratia lingvo: per ĝi oni ĉiam rapide tajpas, oni dependas nek de multekosta komputoro nek de makrooj nek de programoj[1]. Plie, oni povas tajpi per ĉiaj maŝinoj de amikoj. Fine – kaj tio gravas – oni povas libere mesaĝi sur INTERNET. Oni eĉ povas esti idioto. Do ĝi tute konvenas al mi!

Tiel, la laŭdire facila lingvo (Esperanto) postulas plej kostan aparaton, dum unu el la plej malfacilaj ebligas uzi senvaloran ilon[2]. Kia paradokso!

Pro kio? Pro niaj ortografioj[3]. Oni mutas pri ili, estas pli dece. Bona esperantisto estas disciplina, do ne laŭte blekas kiel idioto tia, kia... Tamen, ĉu la usona nepre necesas por eviti mallertan esperantan skribon?

LA ROBOTA SOLVO sen ovellasi... sen aĉeti...sen uzi la usonan, sed aldonante la X-kodon[4].

Rezignacia solvo: kontraŭfundamenta, kontraŭpedagogia, ĝi eĉ atencas kontraŭ la belo.

Oni mutas. Disciplino!

Tamen, ĉu ĉio estas fuŝita, sen espero pri alternativo, pri io pli homa?

LA HOMA SOLVO sen ovellasi... sen aĉeti...sed aldonante la Novan Help-Alfabeton[5]. (NHA)

Kio? Ĉu uzi trian alfabeton? Neniam! Nun estas dece reagi kiel virgulino juna antaŭ plenkreska gorilo, kiu eĉ ne surportas pantalonon. Ho! Nek ĉapelon. Kvinfoje ho!

Oni ja komprenas, ke la NHA konformas al la universala ortografio ellaborita de la mondo mem dum la pasinta jarcento, alportita de la internacia gazetaro, kiu ricevis erojn de multnombraj 'kulpuloj': lingvistoj, fonetikistoj, mil kaŝitaj por unu konata: HEPBURN (1885), instancoj kaj organizoj: UNESKO, ISO, grupo kiu kreis 'pinyin' (1958) por ĉiuj lingvoj de Ĉinio.

Tiu ortografio estas agrabla kaj akceptita de ĉiuj, ĉar ĝi postulas la malplej grandan strebon de ĉiu. Ĝi estas efika, ĉar ebligas mesaĝi libere per INTERNET. Ankaŭ ĝi estas demokratia, ĉar ne postulas specifan elektronikaĵon, kompare kun la usona skribo.

La NHA gravas, ĉar ebligas "gardi la kontinuecon de nia lingvo" laŭ d-ro A. ALBAULT, eble la sola hodiaŭ, kiu konas kaj la literon kaj la spiriton de la *Fundamento*[6].

Ha! Kio okazis? Help! GORILO MALGORILIĜIS! Nova HA! Ĉio nun ekklaras: la X-kodo, kiun la informadikistoj proponis, kaj ni naive akceptis... nu, neniam ni devus akcepti! Jen la vera gorilo!

Nun, tre malfruas por ŝanĝi ion. Estas vere. Ankaŭ vere estas, ke sur INTERNET se ni volas, ni povas tuj NHA-igi nian agadon. Ni bezonas gravajn helpojn: ke la Akademio de Esperanto oficialigu NHA-on kaj ke UEA rekomendu ĝian uzon surrete. Kvar monatoj sufiĉos. Ni havos pruvon, ke la reta mondo kapablas rapide reagi. Dume, ekster INTERNET: nenia ŝanĝo.

*Jean DOUBLET*

**1.** En decembro 1998 pariza sidejo ricevis virushavan diskedon de amiko. Nu, imagu diskedon de malamiko! (*JeunEspéranto info* n-ro 98/4. Enkonduko. Vidu *Laŭte!* n-ro 135, p49, dua demando).

2. Ĉu vi jam provis vendi malnovan ordinaran komputoron?

3. Du ortografioj pro du alfabetoj laŭ la *Fundamenta gramatiko*:

• la FA, Fundamenta Alfabeto: Aa, Bb Cc; Ĉĉ...

• la FHA, Fundamenta Help-alfabeto: "Kiam oni ne povas uzi ĉ, ĝ, ĥ, ĵ, ŝ, ŭ, tiam oni uzu ch, gh, hh, jh, sh, u".

4. La X-kodo, inventita de informadikistoj, enhavas cx, gx, hx, jx, sx, plus ux! Ili rifuzis uzi la FHA-on.

5. La NHA: y, j, kh, zh anstataŭ: j, gh, hh, jh de FHA. La NHA estas duone fundamenta pro la konservo de la internacia parto de la FHA: ch, sh, au, eu.

6. *La Gazeto* 74, 31jan98, p25.

D-ro André Albault prezidas la asocion TRENHA, TRadicia Esperanto (respekto al la Fundamento) kaj NHA.




# "INFANREGALADO"

## "Kinderzeche"

## festa semajno en sudgermana urbeto

Sur la centra placo de la ankoraŭ nuntempe mezepokaspekta urbeto Dinkelsbühl, situanta en meza Frankonio, parto de la germana federacia ŝtato Bavarujo, homoj en- kaj eksterlandaj amase atendas ian spektaklon. Fanfaraj sonoj sub buntaj standardoj allogas la spektantaron, inaŭguras urban festivalon, lokan eventon, kiu, de jam pli ol cent jaroj, ĉiujare vekas la emociojn de la urbanoj same kiel de interesitaj gastoj. Ludo komenciĝas. Roluloj moviĝas en apudan historian domegon, iaman grenejon. Sed nur kvincento el la homamaso trovas lokon en ties longtradicia Schrannensaal, nun la 'granda salono' de la urbo. La invititaj kaj la antaŭzorgitaj spektantoj tie jam sidas. Aktoroj en frubarokaj kostumoj aperas. La pordoj fermiĝas. Oni retrorigardas en la jaron 1632, mezen de la 30-jara milito en Germanujo. Du urbestroj, malgajamiene pro grava decido, aperas sur la scenejo. Antaŭ la mura fortikaĵo, la sveda malamiko senkompate postulas la kapitulacon de la urbo. Kaze de malakcepto, li minacas bruligi kaj forrabi ĉiujn urbaĵojn. La konsilantaro debatas. Fine la protestantaj reprezentantoj konsideras pli saĝa, pli oportuna la tujan transdonon de la urbo. Kontraŭe la katolikoj. Ili nepre postulas defendon de la urbo kaj fidelecon al la imperiestro kaj al la eklezio. Sed ne okazas konvinka decido.

Dum la diskutadoj inter la potenculoj, junan virinon, la fone aŭskultantan filinon de la urba turogardisto, ekkaptas saviga ideo. Ŝi memoras, ke la svedaj heroldoj, posttagmeze urbocentre anoncintaj severan punegon kontraŭ la urbanoj kaze de prokrasto de la transdono, inter si menciis la antaŭnelongan morton de la fileto de la sveda kolonelo urboatakanta. Eble renkontigo de tiu severa militestro kun urba infaneto similaspekta al la propra mortinta, povus ŝanĝi la kruelan intencon de la okupanto. Rapide la kuraĝulino, nome *Kinderlore* ("Infanlorino"), kolektas ĉirkaŭ si la ĉeestantajn infanetojn. Konvinke ŝi klarigas sian planon al la respondeculoj. Impresite de tiu ĉi iometa espero kaj de la enloĝantaro laŭtege intervenanta kontraŭ la malutila hezitado, la respondeculoj pezakore decidas kapitulaci por eviti pli terurajn eventojn.

Sonoradas la sonoriloj de la preĝejo Sankta Georgo. La "Infanlorino" kun granda aro da infanoj, florojn en la brako, forlasas la urbodomon direkte al la centra placo. Tie jam kolektiĝas la reprezentantoj kune kun la urbanoj. Post ordono de la urbestro, soldatoj malfermas la pordegon. La svedaj okupantoj, pinte la kolonelo, enrajdas la urbon. La urbestro humile transdonas la ŝlosilon de la urbo al la malamiko. Tiu tamen senkompate venĝon anoncas pro la tre longa rezistemo de la enloĝantoj.

Subite, neatendite, la kolonelo aŭdas kantadon de infanoj. Gvide de la "Infanlorino" aro da etuloj proksimiĝas al li. Surgenue la "Infanlorino" petegas indulgon por la urbo. Blondan knabeton, kiun ŝi dume gvidis ĉemane, ŝi etendas alten al la konkeranto surĉevala, metas leve en liajn brakojn. Tiu, eksentante certan similecon kun sia ĵus mortinta propra infano, forgesas siajn militajn principojn. Lia koro moliĝas. Preskaŭ malvole li nuligas la intencon al prirabado, detruado de la komunumo. La urban knabeton surbrake, li admonas la urbanaron: 'La infanoj estas la savantoj de Dinkelsbühl.



La sveda kolonelo kun la "saviga" infano

Neniam forgesu al ili vian dankoŝuldon.' Post tiu grandanima gesto, kiu savis la tutan urbon, la sonoriloj de ambaŭ preĝejoj ekfunkcias. La ĥoralo *Nun estu dank' al Di'*, kantata de ĉiuj ĉeestantoj, finas la ludon pri tiu neforgesebla evento.

La nuntempaj ĉeestantoj, emocioplene enplektiĝintaj en la teatraĵon kvazaŭ ili mem estus suferantoj de la tiamaj eventoj, mem la tiama urbanaro, kunkantas senpeziĝinte.

La roluloj kaj la spektantaro povus senti sin indaj posteuloj de la tiamaj agantoj – se la historio ja estus vera. Kvankam tiu ĉi legenda prezentado tute origine, imprese kaj aŭtente aspektas, ĝi nenie troviĝas en la urbaj aktoj. Vera estas iu urba festeno, kiun la unuan fojon mencias kroniko el la jaro 1635 kiel jam tre tradician lernejan feston. Lernejanoj tiam almenaŭ unufoje jare havu la plezuron amuziĝi, maskeradi, gaje danci kaj ĝissate manĝi. Por tio la urba konsilantaro regalis ilin. Tiun feston oni nomis *Kinderzeche* (Infanregalado).

Kadre de romantikaj streboj fine de la 19a jarcento, estiĝis la deziro memorigi al la loĝantaro ankaŭ la okazintaĵojn de la 30-jara Milito. Iu Ludwig STARK, tiutempe ĵus estro de tre sukcesa festivalo en la same mezepokaspekta najbara urbo Rothenburg ob der Tauber, kreis la historian teatraĵon. Lerte li ligis la legendon pri la mirakla savado al la jam de generacioj tradicia regalado de la lernejanoj, kunfandis la belan inventaĵon kun fakta ĉiujara evento. La unua prezentado de la fantazie inventita spektaklo (kiu tamen evidente havas ian historian fonon, ĉar la mezepoka urbokvartalo kaj la urbomuro ĝis hodiaŭ estas pli malpli sendifektaj) okazis en 1897 kun granda sukceso. La memidentigon de la urbanoj kun la ludo pruvas la fakto, ke ĉiuj roluloj ĝis hodiaŭ devenas el la loĝantaro de Dinkelsbühl mem.

La festivalo ĉiujare okazas meze de julio kaj daŭras pli ol unu semajnon. Ĝi jam delonge ne plu apartenas sole al la urbanoj, sed fariĝis mondvaste konata turista altiraĵo. La programo konsistas el tre diversaj partoj: kerne ja staras la historia teatraĵo, plurfoje ripetata dum la festivalo, kun siaj diversaj en- kaj antaŭ-urbaj plezurigoj. Ĉar transvivis la moro de la "infanregalado" ĝis hodiaŭ, marde en la festivala semajno, post rondirado tra la stratoj, la urba konsilantaro, volonte daŭrigante la tradicion, regalas sian lernantaron per tiel nomata *Gucke*, granda ujo dolĉaĵoplena.

Al la somertradicia festo aldoniĝas variaj dancoprezentadoj, koncertoj, ludoj por infanoj, piroteknikaĵoj, akcepto de iamaj Dinkelsbühlanoj kaj de novaj burĝoj fare de la urbestro, kaj pliaj programeroj. Ĉiumatene je la sepa horo la Knaba Orkestro vekas la urbon. Ĉiuvespere la noktogardisto faras sian kontroliradon kun lanterno kaj korno tra la urbo. Turistoj rajtas akompani lin.

Jen programo, kiu logas multajn gastojn en la belan historian urbon, tiamaniere kontribuante ankaŭ al ties ekonomia prosperigo.

Estas avantaĝo, ke Dinkelsbühl situas rekte apud la Romantika Vojo inter Aŭgsburgo kaj Würzburg. Kun sia plene konservita dekoktura urbofortikaĵo el la jaro 1450, siaj patriciaj domoj, pitoreskaj anguloj kaj pavimitaj stratoj, ĝi daŭre altiras pentristojn, romantikulojn kaj turistojn el la tuta mondo, ne nur dum la festenosezono julia.

*Rita RÖSSLER-BUCKEL*

# ĈU VI JAM SCIAS...?

## Pri la Kvinpetalo... ke

... vi kleriĝos en hejmeca etoso, kaj je prezo modera, en tiu ĉi vilaĝa E-centro de okcidenta Francio. Alloga programo venontsomere, i.a.:

- 20-24jul99: Miguel FERNÁNDEZ MARTIN, *Modernaj Esperanto-poetoj.*
- 10-14aŭg99: Georges LAGRANGE, *Preparado al la "kapableco".*
- 27-29aŭg99: Petro SMITH, *Taj-ĉi-ĉuan.*
- 10-15sep99: Ed BORSBOOM *La esperanta literaturo ekde 1952.*



La Kvinpetalo, FR-86400 BOURESSE
tel/faks + 33 (0)5 49 42 80 74

## Pri Katalunio... ke

... se vi preferas turismi en E-o etoso,
... se vi preferas ĝui sunan marbordon kiam la fluego da turistoj estas finita,
... se vi preferas dolĉan aŭtunon al brula somero, Cambrils, proksime de Tarragona, estas ideala loko dum la 'Sepa Esperanto-semajno de la Kulturo kaj Turismo', de la 2ª ĝis la 9ª de oktobro 1999.




Por informoj kaj aliĝoj skribu al:
H.F.E.A., Apartado 15027, 08080 BARCELONA, Hispanujo
rete luis_serrano@mixmail.com

## Pri E-historio... ke

... Michel CLÊMENT el Kebekio, Kanado, proponas al la esperantistaj historiistoj (amatoraj aŭ profesiaj) fondi fakan societon por plifaciligi la serĉadon de dokumentoj kaj informoj pri nia komunumo. Li mem bedaŭras ke en Nordameriko ne ekzistas centralizitaj arkivoj, kio bremsas la laboron de serĉistoj pri la movado, pri homaranismo ktp; verŝajne same estas por kolegoj en aliaj mondpartoj.

Celo de la kreota societo estus publikigi, en revuo tradicia aŭ elektronika, artikolojn, notojn, bibliografiojn, libro-recenzojn pri la serĉadojn.

Interesatoj, kontaktu lin:
6348, rue Chambord, MONTRÉAL, Québec, H2G 3B7
rete clementm@altavista.net

## Pri libroj... ke



- ... ni ŝatus reiĝi infanoj por ricevi donace la artan albumon desegnitan de KAVLAN, *Kuniks la kuniklo*; la rakonto ankaŭ estas de li, tekste kaj kaligrafie. Ĉiu bildo estas regalo kie kunvivas tenero, amo al naturo, akvarelaj koloroj.

Franca versio jam ekzistas (*Kounix le lapin*). Tradukoj en multaj aliaj lingvoj estas pretaj kaj atendas eldonadon.

KAVLAN, 164 chemin de Saquier, FR-06200 NICE
havebla ĉe *La Gazeto*

- ... dank' al la konstanta diligento de Ionel ONET la trezoroj de la rumana beletro fariĝas pli kaj pli familiaraj al ni. Hodiaŭ li proponas:

– traduke: *Paĝoj bizaraj* de Urmuz (1883-1923), mallongaj noveloj spicitaj de eroj fantastaj kaj ekzotaj, gaje-grince humuraj, en strukturo iom simila al tiu ĉe Boris VIAN ("Fuchs ne estas naskita ĝuste de sia patrino... [li] preferis eliri tra unu el la oreloj de sia avino, pro tio ke lia patrino ne havis muzikan orelon..."), en tre bela prozo ofte ritma ("... ĝiaj grandegaj muroj estas, laŭ la orienta tradicio, ŝminkataj ĉiumatene, alifoje samtempe mezurataj per cirkelo, pro timo je hazarda malpliiĝo.")

– originale kaj reeldone: *Spite la vivon!* de Miŝu BERARU, (1-a eldono en 1928), poemoj jam klasikaj en nia kulturo. Deko da ili estas parodioj de plej famaj E-poetoj.

Eldonejo BERO, PO Box 13492
Berkeley CA 94712 Usono

- ... la plej legindaj originalaj verkoj, laŭ la membroj de EVA (Asocio de E-verkistoj) estas:

1. AULD, *La infana raso, En barko senpilota.*
2. John FRANCIS, *La granda kaldrono, Vitralo.*
3. Kálmán KALOCSAY: *Streĉita kordo.*
4. Zamenhof, *Originala verkaro* (ludovikito).
5. Marjorie BOULTON, *Eroj.*
6. Sekelj, *Mondo de Travivaĵoj*; Steele, *Sed nur fragmento*; Waringhien, *Lingvo kaj Vivo*; Montagut, *Poemo de Utnoa*; A. Fernández, *Senĝenaj dialogoj*; Chiussi, *Je la flanko de l' Profeto*, C. Rossetti, *Kredu min, Sinjorino!*; Schwartz, *Kiel akvo de l' rivero*; Spomenka Štimec, *Ombro sur interna pejzaĝo*; Szathmári, *Vojaĝo al Kazohinio*; Anna Löwenstein, *La ŝtona urbo.*

el *Fonto* 218, feb99



## Pri bibliografioj... ke

... alvenis en niajn manojn utila broŝuro, *Bibliografio de la verkaro de Ada Csiszár* (KAL-ĈI Dokumentaro, Budapest, 1998). La 32-paĝa kajero enhavas ĉiujn ŝiajn ĝisnunajn recenzojn, artikolojn, librojn, aperintajn en 30 jaroj (1967-1998), inkluzive tiujn en la hungara lingvo pri Esperanto, inkluzive tiujn subskribitajn de plumnomoj (i.a. ĉarma 'Eta'). Ĝi aldoniĝas al la magra listo de la jam ekzistantaj tiaj dokumentoj pri Waringhien, Vatré, Haupenthal (ĉe Iltis) kaj Nikola Aleksiev (Sofio).

Dankon ankaŭ al Árpád Máthé por la laboro.



## Pri eldonejoj... ke

... unu plia nova eldonejo, JADWIGA en Krakovo, Pollando, proponas al ni E-librojn.

Laŭplane: aperos ĉiujare tri verkoj, unu beletra, unu faka kaj unu traduka.

Nekutime: de ĉiu libro ekzistos nur 300 ekzempleroj, ĉiu permane signita de laŭvica nombro; aldonaj postpresadoj ne okazos.

Notinde: jam eblas akiri, finfine, la 2an volumon de la taglibro de Vinko OŜLAK, *El la babela jaro* (sekvo de *Jen la sablo el mia klepsidro*).

Eld. Jadwiga, ul. Golaŝka 12m.16, PL-30-619 KRAKÓW

**Mi pagas/os:**

por konferenca kotizo (kaj eventuala OSIEK-membriĝo) . . . eŭr ____________

por loĝado . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . eŭr ____________

por solidareca fonduso . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . eŭr ____________

**Entute** . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . eŭr ____________

Mi pagas samtempe kun tiu ĉi aliĝilo . . . . . . . . . . . . – eŭr ____________
(minimume aliĝkotizo kaj 10% de loĝado)

**al** ❐ pĉk Esperanto-Metz n° **762 79 P NANCY**
❐ UEA-k. **osie-h** ❐ per eŭro-ĉeko

Restas al mi por pagi . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . = eŭr ____________

Eventualaj rimarkoj: . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . .

Dato: Subskribo:

La etoso de Internaciaj Esperanto-Konferencoj estas familia kaj klera. Malpli ol cento da homoj ĉeestas la prelegojn, varme diskutadas, mensoriĉige amuziĝas, esperantisme amikiĝas kaj mergiĝas en mondkulturon.

La temon de konferenco demokratie elektas la ĉeestantaro de la antaŭa. Ĝi povas esti io ajn, esperantisma aŭ ne. La celo de IEK estas pliriĉigi la kulturon kaj esprimkapablon de la ĉeestantaj esperantistoj, per altnivelaj, precizopostulaj interparoladoj, diskutadoj, prelegadoj. Ne temas pri ia somera universitato; la ĉeestantoj estas diskutpartneroj de la prelegantoj, kaj pro tio, la pridiskutado de prelegoj okupas pli da tempo ol la prelegoj mem.

Kvankam IEK ne estas aranĝo por neflue parolantaj esperantistoj, kurso tamen estas disponigita al komencantoj alvenantaj kun konferencanoj. La prelegoj estas analizoj de la kongresa temo je perspektivoj de diversaj homsciencaj fakoj, de historiologio, de filozofio, de lingvistiko ktp.

(el *La Gazeto*, n° 54)

*Senkultura homo estas sklava besto* (Cicero)




# IEK'99 - aliĝilo

ORGANIZA SOCIETO DE INTERNACIAJ ESPERANTO-KONFERENCOJ

http://osiek.org

## Internacia Esperanto-Konferenco 1999

# *Mono kaj Civilizo*

en **Metz,** Francio, **17-23 julio 1999**a

**- diskutvekaj prelegoj, familia kaj klera etoso, kultura turismo -**

**Konferencejo:** KulturDomo de Metz, 18jarcenta domego en la kultura kvartalo kun multaj restoracioj, 500m. de la komerca centro, 500m. de hoteloj, 500m. de junulargastejo.
**Ekskursoj** (dum- kaj post-konferencaj: sab-dim-lun) en Scy-Chazelles, Luksemburgo, Bruselo kaj Strasbourg.




Venu debati, lerni, turismi, amikiĝi...

...en la koro de okcidenta Eŭropo, inter Parizo kaj Berlino, inter Amsterdamo kaj Milano...

...en 2000-jara romia urbo, kie ĉiuj epokoj kaj multaj popoloj lasis monumentojn...

| **Aliĝoj:** | ĝis 28feb99 | ĝis 31apr99 | poste |
|---|---|---|---|
| OSIEK-membro | 60 eŭr (400 FRF) | 75 eŭr (500 FRF) | 100 eŭr (670 FRF) |
| Ne-membro | 75 eŭr (500 FRF) | 90 eŭr (600 FRF) | 115 eŭr (770 FRF) |

**Rimarkoj:** - Aliĝkotizo inkluzivas partoprenon al ĉiuj prelegoj kaj al dumkonferencaj ekskursoj en la ĉirkaŭaĵo de Metz
- **Rabato** 50%-a por: orienteŭropanoj, trimondanoj, junuloj ĝis 26-jaraj, studentoj
- Paroj: **rabato** 10% de la sumo
- Kotizo **por membriĝi en OSIEK** egalvaloras al 25 poŝtmarkoj por sendi leteron en **via** lando, (ĉirkaŭ 10 eŭroj por Okcidenta Eŭropo: 25 DEM, 67,5 FRF, 2500 GRD...).
- Kotizojn sendu (menciu *IEK'99*) al **1.** pĉk de Esperanto-Metz **n° 762 79 P NANCY** aŭ **2.** per franca bankoĉeko al Eric Laubacher aŭ **3.** UEA-konto: **osie-h**

## - Aliĝoj kaj pliaj informoj -

• **loka adreso:** Club d'Espéranto de Metz, MCL, 36 rue St Marcel, F-57000 METZ
fax. (0)387 320300, tel. (0)387 303594 (Françoise Ziegler), ret. eo-metz@osiek.org

• **konstanta adreso:** S-ro Éric LAUBACHER, 1 rue Louis-Antoine de Bougainville, F-78180 MONTIGNY Le Bx, Francio ret. ericl@iname.com

# Bonvenon al Metz !

**Nia konferencejo** (Maison de la Culture, Kulturdomo): 18jarcenta domego, kun korto kaj ĝardeno, art-galerio, salonoj, kuirejo, komputilaj ĉambroj ktp. En la kvartalo de la universitato & teatro, apud branĉo de rivero Mozelo…




**Fervoja stacidomo** (Gare SNCF)

**Enirejo "Metz-Centre" el la aŭtovojoj**
(Parizo–Strasbourg A4 kaj Lyon–Luxembourg A31)

**Flughavenoj: 1.** Metz-Nancy-Lorraine (speciala buso al la centra urbo) – **2.** Luxembourg (30 min. trajn-vojaĝo al Metz)

## Hoteloj

**Hôtel de la Cathédrale****: • tre ĉarma, ĉambroj gustoplene aranĝitaj, bongusta matenman-ĝo; • piede 5 min. de la konferencejo; • 58 eŭ (380frF) por 1 aŭ 2 personoj + 6 eŭ (40frF) por matenmanĝo

**Hôtel du Centre****: • interesa raporto kvalito/prezo, ĉiu ĉam-bro havas duŝon, necesejon, telefo-non, televidon, harsekigilon; • piede 15 min. de la konferencejo, en la komerca centro; • 38 eŭ (250 frF) por 1 aŭ 2 personoj (ĉambroj kun 1 granda lito; dua malgranda lito kun suplemento), maten-manĝo donace, parkejo pagenda

**Hôtel Moderne****: • interesa raporto kvalito/prezo, ĉiu ĉam-bro havas duŝon aŭ banujon, necese-jon, telefonon, televidon, harseki-gilon; • 25 min. piede de la konfe-rencejo, apud la fervoja stacido-mo; • 30 eŭ (200frF) por 1 aŭ 35eŭ (230frF) por 2 personoj, maten-manĝo donace, parkejo senpaga

## Karegaj gastoj,

Ni elektis 3 hotelojn por vi. Sed ne hezitu kontakti nin por aliaj aranĝoj (adres. p.1). Kie vi volas loĝi? En la sama hotelo kiel amiko? en junular-gastejo? en hotelo de internacia fir-mao (Ibis…)? En la komerca cen-tro? apud la stacidomo? Ĉu en 2-lita ĉambro? en grandlita ĉambro?…

Esprimu viajn dezirojn: plej frue, plej bone, por ke ni plenumu ilin!



ORGANIZA SOCIETO DE INTERNACIAJ ESPERANTO-KONFERENCOJ

**http://osiek.org**

# Internacia Esperanto-Konferenco 1999

en Metz, Francio, sab17-ven23 julio 1999a, ekskursoj sab24-lun26

# ALIĜILO

Ĉiu aliĝanto uzu apartan aliĝilon kaj sendu ĝin al Esperanto-Klubo de Metz

Familia NOMO: .................. Persona Nomo: ...............

Adreso: ..................................................

Poŝta kodo: ......... Urbo: ................. Lando: ..........

Tel. ............. Fax. ................Ret. ...............

Mi estas: Viro/Virino Pli/malpli 26-jara (forstreku la nevalidajn)

❒ Mi partoprenos en kurso por komencantoj.

❒ Mi petas oficialan invitleteron al la Konferenco.

❒ Mi jam rezervas partoprenon en la bankedo kaj balo (30 eŭ, 200frF).

❒ Mi deziras partopreni en la postkonferenca turisma aranĝo (sab. en Strasburgo kaj reveno al Metz, dim. & lun. en Bruselo) kaj petas informojn pri ĝi.

❒ Mi deziras loĝi kune kun: ..............................

## Loĝado

Mi mendas por la noktoj **inter:** ❒ 17/18 ❒ 18/19 ❒ 19/20 ❒ 20/21 ❒ 21/22 ❒ 22/23 ❒ 23/24 ❒ 24/25 **en:**

❒ Hôtel de la Cathédrale ❒ Hôtel du Centre ❒ Hôtel Moderne

❒ Alia hotelo, junulargastejo aŭ universitata ĉambro: bonvolu kontakti nin

**Solidareca fonduso:** por ebligi favorajn prezojn al niaj kolegoj en landoj kun malfacilaj ekonomiaj kondiĉoj. Ke ankaŭ ili povu partopreni, diskuti, kontribui...

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| URBANOVÁ, Eli | HETAJRO DANCAS, aŭtobiografia verko, Fonto, 1995 | | 328 | 145 / 22,20 |
| VAHA, Blazio | ADOLESKO, psikologia, pri juna kristano en kom. lando | | 248 | 50 / 7,70 |
| VALANO | ĈU LI VENIS TRAKOSME? | | 144 | 45 / 6,90 |
| VALANO | MALMALICE, originalaj poemoj, enkonduko Henri Vatré | | 60 | 25 / 3,90 |
| VARANKIN | METROPOLITENO/E-a klasika ĉefverko/taglibreca/Kopenhago | | 252 | 125 / 19,00 |
| VILDE | LAKTISTO DE MAEKULA, romano, Tallinn | | 256 | 42 / 6,50 |
| VINAR | LA SKANDALO PRO JOZEFO, biblia inspiro | B | 70 | 19 / 2,90 |
| ZEE, Saint Jules | EL ĈINA POEZIO, kun enkonduko al klasika ĉina poezio | B | 136 | 100 / 15,30 |
| ZILAH, Eugène de | VIVI SUR BARKO, pri nebanala riska vivo, 1994 | B | 250 | 150 / 23,00 |

## TRADUKA LITERATURO

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| *AAA | ANTOLOGIO LATINA, trad Berveling, 2 vol., 1998 | | 562 | 225 / 34,40 |
| *AAA | HUNGARA ANTOLOGIO, red Benczik, el hungara | B | 448 | 165 / 25,20 |
| *ARBAUD, Joseph d' | La BESTO DE VAKARESO, trad Tortel, el okcitana | | 96 | 40 / 6,20 |
| ANDERSEN | FABELOJ, 3 vol, plena kolekto, trad Zamenhof, el dana | B | 460 | 300 / 45,90 |
| ANDERSEN | FABELOJ, 4-a vol., trad Zamenhof, el dana | B | 244 | 150 / 23,00 |
| CAPUDER | La VIPO kaj la TURBO, (kuraĝe nova en 1975), el slovena | | 118 | 60 / 9,20 |
| DICKENS | La Batalo de l'Vivo, trad Zamenhof, el angla, 3a eldono | R | 126 | 70 / 10,70 |
| GARCíA MÁRQUEZ | CENT JAROJ da SOLECO, trad Diego, el hispana serio 'Oriento-Okcidento' 27, OSIEK-premio '97 | | 74 | 160 / 24,50 |
| GOETHE | IFIGENIO EN TAŬRIDO, trad Zamenhof, el germana | | 118 | 45 / 6,90 |
| HARRISON | La STRATOJ de AŜKELONO, trad Auld, 1994, el angla | | 24 | 12 / 1,90 |
| *HAVEL, Václav | AŬDIENCO, unuaktaĵo, 1996 | | 40 | 16 / 2,50 |
| KIŜON | ELEKTITAJ SATIROJ, humoro, vi kore ridos, el germana | | 112 | 50 / 7,70 |
| KOROLENKO | La SENLINGVULO, trad Maria Ŝidlovskaja, el rusa | | 192 | 55 / 8,40 |
| *LEE, John A. | INFANOJ DE LA MALRIĈULOJ, trad B. Potts, el angla | | 272 | 35 / 5,40 |
| >MENS, Jeannette van | KATC[illegible]ELO, vivo de kato, el nederlanda | B | 82 | 40 / 6,20 |
| *PÉRIERS | NOVAJ DISTRAĴOJ kaj AMUZAJ ELDIRAĴOJ, el franca | | 54 | 20 / 3,10 |
| >PHILIPPE kompilis | BADENLANDA LEGENDARO, el germana | B | 128 | 52 / 7,90 |
| RAMOS | VIVOJ SEKAJ, pri vakera familio en Brazilo, el portugala | B | 136 | 110 / 16,80 |
| *REBULA, Alojz | MORGAŬ EK TRANSJORDANEN, tr. Oŝlak, el slovena | | 200-A4 | 100 / 15,30 |
| SADE | FLORVILLE kaj COURVAL, tr Ĵ le Puil/A Le Quint, el franca | | 80 | 30 / 4,60 |
| >SCHNITZLER Arthur | SONĜONOVELO, trad Duc Goninaz, el germana, 1997 | | 96 | 50 / 7,70 |
| *SELIMOVIĈ | LA DERVIŜO kaj la MORTO, romano, tr. Imbert, el kroata | | 310 | 180 / 27,50 |
| SHAKESPEARE | EPIFANIO, trad Auld, el angla | | 72 | 33 / 5,00 |
| SHAKESPEARE | REĜO LEAR, serio Or.-Okcidento 6, trad Kalocsay, el angla | | 160 | 36 / 5,50 |
| SHAKESPEARE | RIKARDO TRIA, trad Francis, el angla | | | 63 / 9,70 |
| SHAKESPEARE | Somermeznokta SONĜO, Stafeto, trad Kalocsay, el angla | | 100 | 100 / 15,30 |
| SHAKESPEARE | SONETOJ, serio Oriento-Okcidento 16, trad Auld, el angla | B | 320 | 120 / 19,00 |
| SHAKESPEARE | La TEMPESTO, Stafeto/beletraj kajeroj, tr Kalocsay, el angla | | 118 | 27 / 4,20 |
| TURGENJEV | PATROJ KAJ FILOJ, trad Kabe, el rusa | | 214 | 36 / 5,50 |
| >URMUZ | PAĜOJ BIZARAJ, dadaismaj mikronoveloj, el rumana | | 44 | 35 / 5,40 |
| YEH | MONTARA VILAĜO, serio Oriento-Okcidento 21, tr. Auld | B | 268 | 100 / 15,30 |

## ORIGINALAJ POEMOJ

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| >AAA rusaj poetoj | MOSKVARO, Melnikov, kaj aliaj moskvaj esperantistoj | | 96 | 24 / 3,70 |
| BAGHY | ĈIELARKO, Beletraj kajeroj de Stafeto, ne tranĉita | | 112 | 27 / 4,20 |
| >BERARU, Miŝu | SPITE LA VIVON, 2a eld., 1998 | | 108 | 54 / 8,25 |
| BERVELING | VI KION LEGUS TIE ĈI? | | 26 | 13 / 2,00 |
| BOULTON | CENT ĜOJKANTOJ | | 48 | 30 / 4,60 |
| BOULTON/AULD | RIMLETEROJ | | 94 | 13 / 2,00 |
| MARTELMONTO | IKE, IZE, IVE, 1991 | | 66 | 40 / 6,15 |

## RELIGIO SPIRITA VIVO HOMA KONDUTO

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| *AAA | EPITOMO de la ALIANCO UNIVERSALA | T | 34 | 20 / 3,10 |
| CARTER | Pri SENTEMO por ĈIES SITUACIO, tr Boulton, el angla | T | 50 | 20 / 3,10 |
| DEGUĈI Hidemaro | KIE PENSO, TIE MONDO, de kungvidanto de Oomoto | T | 66 | 18 / 2,80 |
| DEGUĈI Omisaburo | DIAJ VOJSIGNOJ, de kunfondinto de Oomoto, el japana | TB | 174 | 110 / 16,80 |
| KARDEC, Allan | La ĈIELO kaj la INFERO/justeco de Dio laŭ spiritismo | T | 420 | 36 / 5,50 |
| KARDEC | La LIBRO de la MEDIUMOJ/eksperimenta spiritismo | T | 430 | 45 / 6,90 |
| KORYTKOWSKI | EKUMENISMO k internacilingva problemo, E-o/angla | | 176 | 45 / 6,90 |
| KORYTKOWSKI | INTERNACIA LINGVO en EKLEZIO kaj MONDO, 1976 | | 198 | 80 / 12,30 |

## SCIENCO MEDICINO EKOLOGIO

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| DUDICH | Ĉu vi KONAS LA TERON? Ĉapitroj el geologiaj sciencoj | B | 214 | 34 / 5,20 |
| KAWAMURA | ORIGINOJ DE LA VIVO – de biokemiaj vidpunktoj | | 64-A4 | 25 / 3,90 |
| LIEBERMANN | SEKS-EDUKADO kaj psikoterapio | | 28-A4 | 20 / 3,10 |
| RILEY/SPOLTON | VETERO kaj klimato de la mondo, tr Kris Long, el angla | TB | 132 | 90 / 12,25 |
| SAIONJI | YUMEIHO TERAPIO, pri kuraca masaĝo, 2a eld., 1994 | B | 160 | 65 / 10,00 |
| *SCHICKE | La KORPO de la homo, enkonduko al konstruo kaj funkcio | B | 148 | 104 / 15,90 |

## LIBROLISTO-mendilo de LA GAZETO 82

Se via mendo estas pli ol **50 eŭroj** (320 FF), aŭ se vi sendas la pagon kune kun la mendo, vi ne pagos sendokostojn.
Se vi volas libron kiu ne estas en la listo, skribu, ni trovos ĝin por vi. Kelkfoje la menditaj libroj ne povas tuj vojaĝi al vi: dankon pro via pacienco *Via servopreta Libroservo*

La Gazeto, 55210 Creuë, Francio; pĉk 'La Gazeto' 1025 02 T Nancy

Mallongigoj: **AAA** senaŭtora aŭ pluraŭtora verko **B** bildriĉa, bildstria aŭ bindita libro **K** kasedo *R* raraĵo T traduko * sufiĉe novaj en listo >tutnovaj en listo

| aŭtoro | titolo | | paĝoj | prezo FF/Eŭroj |
|---|---|---|---|---|
| | **FACILAJ VERKOJ** | | | |
| *BÉLA | La SEP REĜIDOJ, el hungara, rakonto | TB | 40 | 18 / 2,75 |
| >BORG, Inga | PLUPO EN LA GRANDARBARO | BB | 24 | 20 / 3,10 |
| BULTHUIS | INFERIO/1990/1-a eld 1938, scienc-fikcia romano | | 154 | 72 / 11,00 |
| GOSCINNY | ASTERIKS ĉe la OLIMPIAJ LUDOJ, kolora bildstrio | TB | 48-A4 | 65 / 10,00 |
| *HERGÉ | La NIGRA INSULO, aventuroj de Tinĉjo, el franca | TBB | 62-A4 | 70 / 10,70 |
| JOHANSSON | MISTERO ĈE NIGRA LAGO, aventura humura romaneto | B | 80 | 36 / 5,50 |
| >KAVLAN | KUNIKS LA KUNIKLO, bildrakonto kolora | B | 12-A4 | 65 / 10,00 |
| *LOVRAK | La KAMARADARO de Petro Nodeto, romano | TBB | 126 | 72 / 11,00 |
| McGILL | La LAŬTA VEKHORLOĜO/legolibro kun ekzercoj | B | 200 | 57 / 8,70 |
| McGILL | NAJBAROJ KAJ BOROJ/teatraĵoj kun demandoj | BB | 216 | 65 / 11,00 |
| *MacGILL Stefan | TENDARAJ TAGOJ, kajero tri | B | 76 | 48 / 7,30 |
| *MEJ JING | SENMORTIGAJ FRUKTOJ, kolor-bilda, Pekino | B | 64 | 30 / 4,60 |
| MIGLIORINI | ESPERANTA LEGOLIBRO, 5a eld | | 256 | 35 / 5,40 |
| | **DIVERSAĴOJ** | | | |
| CHERPILLOD | ATLANTIDO | | 60 | 48 / 7,30 |
| CLAYTON | SUNO TRA NUBOJ, aŭtobiografio (kun dediĉo) | B | 52 | 30 / 4,60 |
| CSISZÁR (komp) | ANDREO CSEH, la gaja stelo kiel edzperanto, leteroj | B | 56 | 40 / 6,10 |
| *HAECKER, Theodor | VERGILIO, la patro de Okcidento, el germana | T | 66-A4 | 45 / 6,40 |
| RAMLJAK | LA PAPEROJ, trad Emilja Lapenna | T | 80 | 30 / 4,60 |
| >ROSA, Gabriele | CECCO D'ASCOLI, itala humanisto de 13a jc, dulingva | T | 80 | 33 / 5,10 |
| ROSSETTI Reto | ARTO KAJ NATURO/Eseoj, 1989 | B | 128 | 48 / 7,30 |
| SCHICKE, Harald | GERMANAJ BIERO KAJ BIERKULTURO | B | 130 | 63 / 9,60 |
| SKALJER-RACE | EL LA VIVO | | 68 | 22 / 3,40 |
| *SZILÁGYI Vilmos | KULTURO DE LA AMO, bilda libro pri la seksa vivo | B | 192 | 55 / 8,40 |
| WEINZIERL | NACHKLÄNGE/RESONOJ, + germana | BB | 30 | 70 / 8,70 |
| | **MONDO GEOGRAFIO VOJAĜOJ** | | | |
| AAA | Germana Demokratia Respubliko, multaj fotoj, 1969 | B | 256 | 20 / 3,10 |
| AAA | La GERMANAJ ORIENTAJ TERITORIOJ, eŭropa problemo | B | 46 | 30 / 4,60 |
| ARNTZ | FAKTOJ pri GERMANUJO, tre belaspekta libro kun mapo | B | 94 | 35 / 5,40 |
| LEDON, Gilbert | SEN NACIECE TRA NIA MONDO | B | 222 | 30 / 4,60 |
| SEKELJ | MONDO DE TRAVIVAĴOJ | BB | 284 | 72 / 11,00 |
| SEKELJ | TEMPESTO SUPER AKONKAGVO, el hispana | T | 238 | 50 / 7,70 |
| | **ESPERANTOLOGIO kaj LINGVOJ kaj LERNOLIBROJ kaj E-istoj** | | | |
| *AAA | AKTOJ de la AKADEMIO 1963-1967 | | 76 | 30 / 4,60 |
| *AAA | EŬROPA KALENDARO 1999-2000 | B | 104-A4 | 48 / 7,30 |
| AAA | INTERNACIA SOMERA UNIV.: elektitaj prelegoj, red Lapenna | | 104 | 37 / 5,60 |
| AAA | JUBILEO, jarcento de ESPERANTO | B | 162 | 110 / 16,80 |
| AAA | MEMORE AL IVO LAPENNA | | 52 | 25 / 3,90 |
| ADAM | HISTORIO DE ESPERANTO, 1887-1912 | | 144 | 33 / 5,10 |
| APOLLONER | NIA ORIGINALA PROZO | | 58 | 35 / 5,40 |
| AULD red | NOVA ESPERANTA KRESTOMATIO/1991 | B | 510 | 170 / 26,00 |
| *Barandovska-Frank, Vera | La LATINA KIEL INTERLINGVO | | 196 | 75 / 11,50 |
| BLANKE | *PLANSPRACHE UND NATIONALSPRACHE* | | 162 | 25 / 3,90 |
| BLANKE red | SOCIPOLITIKAJ ASPEKTOJ DE LA E-MOVADO | | 230 | 36 / 5,50 |
| BOTELLA | ANALOJ de la E-movado EN HISPANIO/2 vol, 1987 | | 780 | 150 / 22,90 |
| BRUIN/Faulhaber | POST LA KURSO, Amsterdam | | 88 | 20 / 3,00 |
| CANDIDO XAVIER | ESPERANTO KIEL REVELACIO + Portugala | | 170 | 55 / 8,40 |

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| CHERPILLOD | KONCIZA GRAMATIKO DE VOLAPUKO, 1995 | | 48 | 42 / 6,50 |
| >CHERPILLOD André | L.L. ZAMENHOF: DATOJ, FAKTOJ, LOKOJ | | 30 | 30 / 4,60 |
| CHERPILLOD | MIL EKZOTAJ VORTOJ de ekstereŭropa deveno, 1992 | | 122 | 68 / 10,40 |
| CHERPILLOD | NEPIVAJ VORTOJ el kiuj kelkaj povas esti utilaj, 1988 | | 182 | 90 / 13,75 |
| >CHERPILLOD André | ZAMENHOF KAJ JUDISMO | | 62 | 51 / 7,80 |
| *CSEH, Andreo | BAZA CSEH-KURSO, gvidilo k modelo por instruantoj | | 172 | 80 / 12,30 |
| ECO, Umberto | La SERĈADO de la PERFEKTA LINGVO, tr Mistretta, 1994 | | 320 | 125 / 19,10 |
| GÜNKEL, Claus J. | GUNKELA VORTARO, 3a eld., 1997 | | 44 | 25 / 3,90 |
| KALOCSAY | VOJAĜO INTER LA TEMPOJ, eld. Stafeto | | 208 | 90 / 13,80 |
| LAPENNA | AKTUALAJ PROBLEMOJ DE LA NUNTEMPA VIVO | | 144 | 90 / 13,80 |
| LAPENNA | JURAJ TERMINOLOGIAJ TERMINOJ | | 40 | 35 / 5,40 |
| LAPENNA | RETORIKO | B | 294 | 105 / 16,00 |
| LUDOVIKITO | TAMEN LA AFERO PROGRESAS! (1896-1900) | B | 414 | 120 / 18,50 |
| | Plena verkaro de Zamenhof, Tokyo 1975 | | | |
| LUDOVIKITO | HEBREO EL LA GETO, Plena verkaro de Zam., 1976 | B | 456 | 140 / 21,50 |
| MacGILL | La FONETIKA INTERPUNKCIO kaj aliaj skeĉoj | | 20 | 6 |
| >MAKKINK | NIA FUNDAMENTA SUB LUPEO 1990 | | 128 | 70 / 10,70 |
| PIRON, Claude | La BONA LINGVO, 2a eld, 1997, OSIEK-premio'98 | | 110 | 70 / 10,70 |
| PLEYER | UNITARIO, 1990 | B | 126 | 70 / 10,70 |
| RÖLLINGER, Hugo | MONUMENTE pri E-o: 1044 Zam/Eo-objektoj en mondo | B | 112 | 60 / 9,20 |
| SAUSSURE | RESUMO DE LA TEORIO DE ANTIDO (represo de 1910) | | 54 | 36 / 5,50 |
| >SELTEN redaktis | La kostoj de la eŭropa lingua (ne-)komunumo, el itala | | 148 | 120 / 18,40 |
| >VALENTE, Guiseppe | FOTOGRAFIA VORTARO + diskedo, E-o, angla, itala | | 40 | 60 / 9,20 |
| VANCE, Jack | TRIGAMBA JOĈJO, en la ŝava alfabeto, 1997, el angla | T | 72 | 30 / 4,60 |
| >Vleminck/van Damme | ABC-GRAMATIKAO | | 240-A4 | 215 / 33,00 |
| >Vleminck/van Damme | GRAMATIKA ABC-MEMPRAKTIKILO | | 144-A4 | 135 / 21,00 |
| WARINGHIEN | LINGVO KAJ VIVO, elstaraj esperantologiaj eseoj | | 452 | 50 / 7,60 |
| *WEIDMANN Dietrich | ESPERANTO POR MONDCIVITANOJ, dulingva | B | 90 | 32 / 4,90 |
| WIT | KURSO POR LA ELEMENTA DIPLOMO | | 170 | 45 / 6,90 |
| WIT | PRAKTIKA KURSO DE E-O | | 156 | 45 / 6,90 |
| YUNG, Jon Walter | PANORAMO DE LA UNIVERSALA SKRIBO | | 330 | 110 / 16,80 |
| ZAMENHOF | FUNDAMENTA KRESTOMATIO, 1954, anglujo | B | 446 | 80 / 12,30 |
| ZAMENHOF | LETERO al Emile JAVAL (1905-09-24), komento Waringhien | | 28 | 18 / 2,80 |
| ZAMENHOF | LETEROJ, vol 1, 1948, komento de Waringhien | B | 372 | 50 / 7,60 |
| ZAMENHOF | LINGVAJ RESPONDOJ, red Waringhien, 6a eldono, Vieno | | 132 | 75 / 11,50 |

### FILOZOFIO

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| *HAECKER, Theodor | VERGILIO, la patro de Okcidento, el germana | T | 66-A4 | 45 / 6,90 |
| KARTEZIO | Diskurso pri la metodo/komentoj de Zilah, el franca + franca | T | 176 | 50 / 7,70 |
| MOYA, Giordano | La HOMA VIVAVENTURO, Barcelono, 1977 | | 302 | 72 / 11,00 |
| *OŜLAK, Vinko | ENKONDUKO en la FILOZOFIAN PENSADON, 1996 | | 24 | 20 / 3,10 |
| *OŜLAK, Vinko | SENTENCOJ (1975-1998) | | 18-A-4 | 20 / 3,10 |
| PLATONO | La RESPUBLIKO, el greka tr Broadribb, OSIEK-premio | T | 114-A4 | 120 / 18,40 |
| PORFIRIO | ENKONDUKO en la kategorioj de Aristotelo, el greka | T | 80 | 36 / 5,50 |
| RINER | La veraj interparoladoj de SOKRATO, trad Lanti, el franca | T | 146 | 15 / 2,30 |
| ROHRBACH | PACO en ŜTORMO, por vivi serene en la nunejo/el franca | T | 180 | 60 / 9,20 |
| VOGELMANN | La NOVA REALISMO, tradukoj en 25 lingvoj | | 186 | 60 / 9,20 |

### HISTORIO + SOCIO

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| AAA | Meze de Eŭropo, Skize pri la historio de Ĉeĥoslovakio | TB | 100 | 32 / 4,90 |
| *AAA | Multkulturaj Familioj de nuntempa Eŭropo, 1996 | | 168 | 45 / 6,90 |
| ALBA, Santiago | LETERO el PALESTINO, vojaĝraporto, trad Kamaĉo | T | 16-A4 | 20 / 3,10 |
| CHERPILLOD | KATARISMO kaj NASKIĜO de INKVIZICIO, 1996 | | 36 | 30 / 4,60 |
| *CORSETTI Renato | DENASKA DULINGVECO, konsiloj por gepatroj | | 22-A4 | 21 / 3,30 |
| FABRY | La islama respubliko/ekesto esenco konsekvencoj + germ. | T | 35 | 20 / 3,10 |
| FOLLEREAU | La LIBRO de la AMO (homo kiu ĉirkaŭbrakas leprulojn) | BT | 62 | 40 / 6,20 |
| ĜIVOJE | INTERESA ARKEOLOGIO | B | 60 | 35 / 5,40 |
| *KABÓK red. | MADJAROJ (hungaroj) en VOJVODINO, 1994 | | 104 | 45 / 6,90 |
| KEKKONEN | La FINNA VOJO, trad Osmo Buller, el finna | T | 110 | 50 / 7,70 |
| KOBYLINSKI | La REVOLUCIO DE ĈINIO, 1956, el dana | TR | 96 | 20 / 3,10 |
| PAHOR, Boris | PILGRIMANTO inter OMBROJ, pri koncentrejo, el slovena | T | 168 | 55 / 8,40 |
| SALUSTIO | La KONSPIRO de KATILINO, Fonto-kajero 13, el latina | T | 72 | 30 / 4,60 |
| SEKELJ | TEMUĜIN, el serbo-kroata | T | 68 | 50 / 7,70 |
| SZILÁGYI | La VIVO DE SÁNDOR KÖRÖSI CSOMA | B | 150 | 45 / 6,90 |
| >ŜTAJNER, Karlo | 7000 TAGOJ EN SIBERIO, ĉefverko, tr Barkoviĉ, el kroata | T | 492 | 120 / 18,40 |
| >TRIESTA asocio | La ROMEPOKA TRIESTO, arkeologiaj k historiaj notoj | B | 36 | 54 / 8,25 |

### ORIGINALA LITERATURO + BELETRAJ STUDOJ

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| *AAA | TREZORO: Esp-a novelarto, 2 vol, red. Rossetti k Vatré | B | 952 | 175 / 26,80 |
| AAA valoraj aŭtoroj | La MAŜINO KIU KRIIS, noveloj, 1995, Vieno | | 106 | 70 / 10,70 |
| >AAA auld-valano | Vivo kaj morto de Wiederboren, 12 noveloj de bonaj aŭtoroj | | 80 | 31 / 4,75 |

| | | | |
|---|---|---|---|
| APITZ | NUDA INTER LUPOJ, nazia koncentrejo, Leipzig, 1974 | 480 | 70 / 10,70 |
| BAGHY | VERDAJ DONKIĤOTOJ, temo E-o kaj E-komunumo, 1996 | 176 | 87 / 13,30 |
| BAGHY | HURA | 438 | 75 / 11,50 |
| BAKO/PIRON | La DORSOSAKO DE PANJO RUT, 1995 | 110 | 70 /10,70 |
| BOATMAN | KARA DIABLINO, Stafeto 1979 | 112 | 65 / 10,00 |
| *BOTELLA, Antonio | LIRIKAJ PERLOJ DE AL-ANDALUS, 1995 | 328 | 110 / 16,80 |
| BUBENIĈ | SUB CIRKO-TENDO, aŭtobiografia romano, 1988 | 196 | 90 / 13,80 |
| >CARR, Timothy B | SUR PARNASO, POEMARO, FEL 1998 | 118 | 80 / 12,25 |
| DECLERCK | ŜIRPECOJ, senhonte erotikaj kaj senkaŝe aŭtobiografiaj | 168 | 70 / 10,70 |
| DEIJ, Leendert C. | AMINDA, romano, lingvo-naskiĝo k -evoluo ĉe infano, 1997 | 104 | 90 / 13,80 |
| DEVI, Vimala | SPECULIĜOJ, ege riĉforma poezio, LKK, 1998 | 24 | 28 / 4,30 |
| ELGO | FLOROJ DE L' KREPUSKO, detektivromano, 1995 | 168 | 80 / 12,25 |
| ELGO | ŜIA LASTA POŜTKARTO, detektivromano | 226 | 105 / 16,00 |
| EMBA | MARIA KAJ LA GRUPO, romano pri E-vivo, 2a eldono | 172 | 78 / 12,00 |
| >FERNÁNDEZ | SUR LA SPUROJ DE FEDERICO GARCIA LORCA B | 120 | 50 / 7,70 |
| Fernández Camacho Neves Dek | EKSTREMOJ, novelaro, Vieno, 1997 | 208 | 84 / 12,90 |
| FRANCIS, John | MISIO SEN ALVENO, Stafeto 1982 | 160 | 60 / 9,20 |
| FRANCIS | VITRALO, noveloj, beletraj kajeroj de Stafeto | 136 | 50 / 7,70 |
| GATES | La VIDVINO KAJ LA PROFESORO, am- krim-romano, 1997 | 132 | 73 / 11,20 |
| GRABOWSKI | El PARNASO de POPOLOJ/orig k tradukoj/reel. (1-a eld 1913) | 240 | 120 / 18,40 |
| HARRY, Ralph | AVENTUROJ EN ESPERANTUJO | 82 | 36 / 5,50 |
| JOHANSSON | FALĈITA KIEL FOJNO, lerte k frande verkita krimromano | 76 | 36 / 5,50 |
| KALOCSAY | EZOPA SAĜO, 77 fabloj verse reverkitaj B | 128 | 54 / 8,30 |
| KALOCSAY | VERSOJN ONI NE AĈETAS | 64 | 70 / 10,70 |
| LORJAK | EŬLALIA, romano | 188 | 49 / 7,50 |
| LORJAK | KROMOSOMOJ, 'stelo' en la Esperanta poramuza prozo | 160 | 49 / 7,50 |
| LORJAK | NEOLOGISME, romano, Helsinki 1975 | 88 | 30 / 4,60 |
| *LORJAK | REGULUS, romano, Plejado 1981 | 340 | 95 / 14,60 |
| MARON, Meva | URNO KUN RUNOJ, "klera, erudicia kaj sekretema", 1996 | 96 | 52 / 8,00 |
| MATTHIAS | FAJRON SENTAS MI INTERNE, romano psikologia | 128 | 60 / 9,20 |
| >MEYE, Richard | La LONGA VOJO, 2-a eld (1-a, 1935), romano pri marĝenuloj | 140 | 65 / 10,00 |
| NEMERE, | La ALTA AKVO, 1985 | 130 | 35 / 5,40 |
| NEMERE | La BLINDA BIRDO, 1987 | 118 | 39 / 6,00 |
| NEMERE | DUM VI ESTIS KUN NI, romano detektiva | 168 | 60 / 9,20 |
| NEMERE | FEBRO | 132 | 41 / 6,30 |
| NEMERE | La NAŬA KANALO, 1981 | 106 | 45 / 6,90 |
| NEMERE | SERĈU MIAN SONĜON,1987 | 172 | 51 / 7,80 |
| *NEMERE | SUR KAMPO GRANITA, 1987, 2a eldono | 128 | 40 / 6,20 |
| NEMERE | TERRA/sciencfikcia romano, 1987 | 152 | 45 / 6,90 |
| NEMERE | VIVI ESTAS DANĜERE, 1988 | 160 | 65 / 10,00 |
| NEMERE | VI POVAS MORTI NUR DUFOJE, 1989 | 184 | 70 / 10,70 |
| NEVES, Gonçalo | KOMPRENI, novstilaj noveloj, 1993 | 56 | 45 / 6,90 |
| NEWELL | BAKŜIŜ, skizoj el la vivo de Egiptoj, 1983, 1-a eld. LM38 | 154 | 65 / 10,00 |
| *OŜLAK, Vinko | JEN la SABLO el MIA KLEPSIDRO, taglibro de pensulo | 204 | 75 / 11,50 |
| >OŜLAK, Vinko | La MALBABELA JARO, taglibro de pensulo, 1999 | 154 | 165 / 25,20 |
| *PENETER | LIBRO DE AMO, brokantaĵo | 262 | 40 / 6,15 |
| >PIĈ, Karolo | La BERMUDA TRIANGULO, novelaro | 188 | 120 / 18,30 |
| *PIĈ, Karolo | La LITOMIŜLA TOMBEJO, romano, 2a eldono, korektita | 276 | 130 / 19,90 |
| PIĈ, Karolo | ORDENO DE VERKISTOJ, romano | 382 | 230 / 35,20 |
| SAĤAROV | REMEMOROJ DE CENTPROCENTA ESPERANTISTO | 200 | 75 / 11,50 |
| SEABRA, Manuel de | La ARMEOJ de PALUZIE, historio de barcelona familio, 1996 | 200 | 84 / 12,90 |
| >SEABRA | PROMESO EN OBSKURO, noveloj | 110 | 68 / 10,40 |
| >STEELE, Trevor | APENAŬ PAPILIOJ EN BERGEN-BELSEN, romano | 156 | 90 / 13,80 |
| *STEELE, Trevor | FALANTAJ MUROJ kaj aliaj rakontoj, Vieno, 1997 | 160 | 76 / 11,70 |
| STEELE | MEMORI kaj FORGESI, noveloj el la Norda Montaro, 1992 | 144 | 80 / 12,30 |
| STEELE | SED NUR FRAGMENTO, romano, Fonto, 1987 B | 448 | 180 / 27,50 |
| STUTTARD | La VIRINETO EN BLUO kaj aliaj rakontoj, 1983 | 150 | 54 / 8,30 |
| SULLIVAN | La VUALO DE L' TEMPO, novelaro | 116 | 36 / 5,50 |
| SZATHMARI | KAIN KAJ ABEL | 288 | 46 / 7,00 |
| *SZATHMARI | PERFEKTA CIVITANO, plena novelaro, 1988 | 456 | 84 / 12,90 |
| SZILAGYI | La GRANDA AVENTURO kaj aliaj noveloj | 156 | 45 / 6,90 |
| SZILAGYI | MISTERO MINORA, 1982 | 120 | 56 / 8,55 |
| SZILÁGYI | TRANS la FABELOCEANO..., literatura mondo 1931 RBB | 136 | 60 / 9,20 |
| ŜIRJAEV | La DORMANTA GRAFINO, noveloj, el la pionira epoko | 156 | 90 / 13,80 |
| *ŜTIMEC, Spomenka | OMBRO SUR INTERNA PEJZAĜO, romano B | 142 | 84 / 12,90 |
| ŜTIMEC, Spomenka | TENA, hejmo en Mezeŭropo, Vieno, 1996 | 104 | 77 / 11,80 |

La lupino de l' Kapitolo
bronzaĵo, ĉ. 470 a.K.
Romo, Muzeo de la Muzeestroj

